# La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

n-ro 006
marto 2008

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007




## Pastro Antono Viejro

**Lisbono 1608 – Salvadoro 1697**

**Iam, la plej elstara prozisto de la portugala lingvo asertis:**

***"La portugaloj havas etan landon kiel lulilon,
kaj la tutan mondon por morti."***

**(Padre António Vieira) ['padre an'tonju vi'ejra]**

# La Karavelo n-ro 006 marto 2008











## Kolofono


**Konstantaj verkistoj...**
Eduardo Novembro
Edward Jaśkiewicz
Francisco Stefano Wechsler
Geraldo Mattos
Gerrit Berveling
Imre Szabó
Irina Mironova
João José Santos
Leo De Cooman
Luiza Carol
Nikolaj Neĉaev
Paulo Sérgio Viana
Roger de Castro Gotardi
Tibor J. Szabadi
Valentin Melnikov

**Verkis ĝis nun en La Karavelo 22 homoj el 11 landoj, tiel...**
Belgio 1, Brazilo 5, Britio 1, Grekio 2, Hungario 4, Israelo 1, Italio 1, Nederlando 1, Polio 1, Portugalio 2, Rusio 3.

**Proprietulo, Direktisto, Redaktisto, Kompostisto**
João José Santos
**Asistanto pri pentrarto kaj dramo**
João Pereira dos Santos
**Reviziistoj**
Roger de Castro Gotardi
Kurt Fisher



**PoŝTel.:** +351 960 13 15 15
**RetPoŝto:** lakaravelo@gmail.com

www.esperantopt.com/
http://groups.google.com/group/lakaravelo

**Adreso:**
LA KARAVELO
Fonte Velha, Caixa 3003
7100-078 Estremoz – Portugal


**Recenzeblaj libroj:** estu sendotaj al la supra adreso.

**Reguloj:** Pri la principoj, labormaniero kaj reguloj de La Karavelo, nepre elŝutu la koncernan dosieron el nia retejo.

**www.esperantopt.com**

*El la redaktejo...*



# Regularo de La Karavelo

**de João José Santos (direktisto de L.K.)**
lakaravelo@gmail.com

## A - Celo kaj ecoj de La Karavelo

La Karavelo estas esence literatura revuo. Ĝi naskiĝis por disvastigi la verkojn kaj valorojn kreitajn en la portugala lingvo, sendepende de la lando el kie venas la verko aŭ ties aŭtoro. La internacia kulturo devas esti kreata ne de rego de iu popolo, laŭ milita kaj ekonomia trudo kiu nur produktas grasigan rapidmanĝan sistemon, sed de la opaj kulturoj de ĉiuj popoloj, kiuj interagas en la esperanta mondo, en sistemo de diverseco por la kultura riĉiĝo de ĉiuj, kaj por la protekto de ĉiuj etnoj, lingvoj kaj kulturoj.

La Karavelo gvidiĝas de la esperantismo de Zamenhofo, kiu deziris ke esperanto fariĝu instrumento por la paco, por la respekto kaj por la kunfratiĝo inter la homaro. Enkadre de tiuj principoj, gravas ke ĉiuj popoloj donacu per esperanto al la internacia kulturo siajn plej profiteblajn valorojn por la pliboniĝo de la Homaro.

Oni celas, ke ĉirkaŭ 75% de la revuo pleniĝu je tradukoj el la portugallingva literaturo. 25% de ĝia spaco destiniĝu al esperantaj originaj verkoj, al tradukoj el aliaj lingvoj kaj literaturoj, al sciencaj tekstoj, al recenzoj, al esprimivaj fotoj, kaj ĝenerale al aliaj tekstoj verkitaj en bona esperanto, laŭ la spirita filozofio de la revuo, klare menciata en ĉi tiu dokumento. Tamen, se la elportugallingva partopreno ne sukcesos atingi tiujn centonojn en L.K., la redaktejo daŭre strebas al la monata prezento de kvalita revuo 24-paĝa, kun verkoj el la tutmonda esperantistaro.

Ĉiuj kunlaborantoj de La Karavelo laboras ĝis nun kun ĝi en sistemo de amika rilato, ĉar ĝis nun, la revuo finance nur donis elspezojn, ricevinte eĉ ne unu groŝon.

La agado de La Karavelo kaj ĝia rilato kun la kunlaborantoj kaj partneroj gvidiĝas de ĉi tiu dokumento, kiu povas ŝanĝiĝi ĉiam, kiam necese, kaj kiu validas post ĝia alŝuto al la retejo de L.K., sen alia antaŭinformo.

En ĉi tiu dokumento:

Ĉefa retejo de La Karavelo
(kurte, *retejo de L.K.*):
www.esperantopt.com/

Diskutgrupo de la legantoj de La Karavelo
(kurte, *diskutgrupo de L.K.*):
http://groups.google.com/group/lakaravelo

Retpoŝto de La Karavelo
(kurte, *retpoŝto de L.K.*)
lakaravelo@gmail.com

La tuta kontakto inter verkistoj, reviziistoj, teknikistoj, perantoj, legantoj kaj aliaj kunlaborantoj de L.K., kun ties redaktejo, estas farata per retaj mesaĝoj al la retpoŝto de L.K. Ĉiuj ili devas esti anoj de la diskutgrupo de L.K., kaj tie, kiel en iu ajn alia loko, kunlabori por la prestiĝo kaj bona nomo de la revuo.

La Karavelo bonvenigas la kunlaborantojn, kiuj deziras verki aŭ traduki por ĝi, la anoncantojn sen kiuj la revuo mortos, la disvastigantojn kiuj kreskigas la nombron de la legantoj, kaj ĝenerale ĉiujn, kiuj deziras iel subteni ĉi tiun projekton.




## B - Verkistoj

1. Kunlaboras kun La Karavelo hazardaj verkistoj kaj konstantaj verkistoj. Konstanta verkisto estas tiu, kiu publikigas minimume naŭ artikolojn jare en L.K. Ĉi tiuj rajtas ricevi senpage la paperan version de La Karavelo, kiam kaj se ĝi aperos.

2. La verkistoj devas liveri al la redaktejo de La Karavelo siajn verkojn por publikigo laŭ la jenaj reguloj:

   a) La verkisto liveras la verkon al L.K., tajpitan el ŝablono nomita ***LK_shablono_por_verki.doc***, kiu estas elŝutebla el la retejo de L.K. (sube en la ĉefa paĝo).

   b) La tekstoj estu en formato .doc aŭ, eĉ preferinde, en .odt.

   c) La bildoj estu en formato .jpg kaj bonkvalitaj.

   ĉ) La tekstoj devas esti redaktitaj laŭ la esperanta alfabeto. Por tio, L.K. disponebligas la programeton *Ek* en sia retejo (en la paĝo *Esperanta Alfabeto*). Kune kun la programeto estas aliaj du dosieroj, kiuj helpas la uzanton en la agordo de *Ek*.

   d) Ne enmetu notojn laŭ la normala rimedo

de "Word" aŭ de "Open Office". Metu ilin, kiel normalan tekston post la fino de la ĉefa teksto, antaŭmetante numeron al ĉiu noto, kiu devas rilatiĝi al interparenteza numero metita en la ĉefa teksto.

e) En la unua kunlaboro, bv. la verkisto sendu sian etan biografion kaj sian foteton por sin prezenti al la legontoj. Estas agrable, ke la leganto iom sciu pri tiuj kiuj verkas. La verkisto ŝanĝu sian foton, kiam tio plaĉos al li, sed ne faru tion tro ofte. La foto identiganta la verkiston ne devas montri lin fumanta aŭ aganta iel strange por identiga foto. La redaktejo povas rifuzi foton, laŭ sia bontrovo, kies kriterioj baziĝos sur la esperantismo kaj la decaj kutimoj.



f) Kiam aŭtoro aperas unuafoje, estas interese, ke la verkisto prezentu etan biografion de la tradukita aŭtoro kun foto kaj eventuale aliaj informoj pri tiu aŭtoro. La verkisto faru kvalitajn kaj kompletajn dosierojn pri la pritraktitaj aŭtoroj, post esplorado prie, kontribuante tiel por la bona nivelo de L.K. kaj honorigante sian propran nomon.

g) La verkistoj kiuj komencas nun kunlabori kun L.K., bonvole legu la antaŭajn numerojn por envojiĝi sian laboron laŭ la etoso de la revuo.

3. La Karavelo plene respektas la elektojn kaj stilojn de la verkistoj. Do, *la verkisto devas revizii sian propran tekston*, kiun La Karavelo ne transformos, escepte, evidente, de misoj. Ĉi-afere la principo de La Karavelo estas: *la leganto legos kion la verkisto verkis.* Do, la aŭtoro de la artikolo, kaj nur li, responsas pri ĝia enhavo, kaj ankaŭ pri la aŭtorrajtoj.

4. Antaŭ ol la publikigo de ĉiu numero de La Karavelo, ĉiuj verkistoj ricevas retan ekzempleron de tiu numero, kiu estas nomata *Revizienda Versio* (R.V.). La verkisto havas minimume 24 horojn por legi sian propran verkon lastfoje antaŭ ol la publikigo. Se la verkisto ne reagos al la sendo de R.V., tio signifas ke implicite li aprobis sian verkon por publikigo kun la modifoj faritaj de la redaktejo. Do, se la verkisto ne aprobas iun modifon, nepre li devas mesaĝi al la redaktisto por proponi ŝanĝojn. Se ne estos interkonsento inter la verkisto kaj la redaktisto, rilate al la modifoj proponitaj en R.V., L.K. ne publikigos tiun tekston.

5. La verkistoj atentu la aŭtorrajtojn, ĉar pri iu damaĝo rilatanta tiun aferon, responsas nur la aŭtoro de la artikolo. En multaj landoj, la aŭtorrajtoj nur ĉesas 70 jarojn post la morto de la aŭtoro. Do, oni traduku el tiuj aŭtoroj, kiuj mortis antaŭ pli ol 70 jaroj. Ankaŭ estas interese, rilate al verkoj ankoraŭ havantaj aŭtorrajtojn, ke oni sukcesu ekhavi skribitan rajtigon de la aŭtoro aŭ de la posedanto de la rajtoj. Eble, simpatia letero al la rajtoposedanto malfermos pordojn kaj disvastigos esperanton. Nepre oni venigu la skribitan rajtigon al la redakteja adreso de L.K. Afabla aŭtoro, kiu permesas nian verkiston publikigi la verkon, havas familianojn, kiuj, post la morto de la afabla aŭtoro, eble jure dubos pri la afableco de sia familiano, kaj povas justice procesi kontraŭ la verkisto de L.K. Nur la skribita permesilo en la adresa redaktejo de L.K. donas al ni la garantion, ke ne aperos malagrablaj problemoj kaŭzeblaj de bonaj intencoj. Manke de tio, estas preferinde traduki el tiuj kiuj mortis antaŭ pli ol 70 jaroj. Oni atentu, ke ankaŭ la fotoj havas aŭtorrajtojn.

6. La artikoloj ne-literaturaj ne devos preterpasi duonon de paĝo A4. En ĉiu numero, la nombro de tiuj artikoloj estos limigita, ĉar La Karavelo estas esence literatura revuo.

7. Liverante siajn verkojn kaj tradukojn al La Karavelo por publikigado, la verkistoj donacas al ĉi tiu revuo la tutan rajton publikigi tiujn verkojn, kaj iliajn tradukojn, en elektronika formato aŭ surpapere revuforme, libroforme aŭ alimaniere, laŭvole de la direktejo de L.K. Tamen, la aŭtorrajtoj restas ĉe la aŭtoroj, se ne estos alia interkonsento.



8. La verkoj estas publikigataj en sistemo de reciproka apogo, tiel ke La Karavelo disvastigas la nomon kaj verkojn de la aŭtoroj, kaj ĉi tiuj honoras la revuon per siaj kunlaboroj. Kaj La Karavelo kaj la verkistoj rezignas pri iu ajn pago rilate al ĉi tiuj servoj, kiuj okazas surbaze de la amika kaj kultura kunlaboro.

9. Oni sugestas al la verkistoj, ke ĉi tiuj sin dediĉu al verkoj kunligitaj per iu temo aŭ trajto, tiel ke estu rezoneble kunigi ilin por onta publikigo en libro, en la eldonoj de La

Karavelo.

10. La Karavelo ne estas devigata akcepti iun ajn verkon aŭ kunlaboron. La akcepto de kunlaboroj dependas de la analizo de la direktisto de La Karavelo.




## C – Reviziistoj

La Karavelo bezonas kelkajn reviziistojn por siaj diversaj sekcioj, ene de la revuo kaj en ties aliaj eldonoj, kaj podofaj (en formato PDF) kaj paperaj. Estas dezirinde, ke tiuj reviziistoj estu kompetentaj en la regado de esperanto kaj de literaturo ĝenerale. Krome, ili devas esti variaj inter si, laŭ la denaska lingvo, aĝo, sekso, nacieco, profesioj k.a. Tio donas pli da kvalito al la revuo, en la perspektivo de esperantismo, kaj igas ĝin pli tolerema.

Jen ĉi tie kelkaj el la bazoj, sur kiuj fariĝas la revizia laboro en La Karavelo:

1. La Karavelo ne serĉas samniveligon de lingva stilo inter siaj aŭtoroj, kaj eĉ inter la diversaj verkoj de la sama aŭtoro. L.K. respektas la individuan stilon de ĉiu aŭtoro kaj de ĉiu verko.
2. Ene de la sama verko, devas ekzisti kongrueco. Do, se la aŭtoro, ekzemple, skribas la nomon de nia lingvo jen majuskle jen minuskle, la reviziisto devas modifi por la formo, kiu ŝajnas al li pli konforma al la stilo de la aŭtoro. Okaze de R.V., la aŭtoro aprobos aŭ malaprobos tiujn kaj aliajn eventualajn modifojn.
3. Kompreneble, L.K. ne povas akcepti morfologiajn, sintaksajn aŭ aliajn erarojn. La ununura uzata alfabeto estas la esperanta alfabeto.
4. PIV estas vidata de L.K. kiel la ĉefa vortara gvidilo. Al L.K. ne interesas, ĉu la vorto estas fundamenta aŭ ne. Gravas ĉu ĝi aperas en PIV, ĉu ĝi estas internacie komprenata, ĉu la neologismo estas utila, kaj ĉu la vorto, kvankam piva aŭ eĉ fundamenta, estas dezirata en nia lingvo, pro ĝia longo, pro konfuzo kun paronimo aŭ sinonimo, ktp.
5. Sintakse L.K. akceptas kelke da varieco de stiloj, kondiĉe ke ili ne tro foriĝu de la esperanta normo, ĝenerale akceptita de la esperanta tradicio kaj de la nuntempa esperantistaro.
6. Nepre, oni ne forgesu, ke L.K. publikigas la verkon skribitan de la aŭtoro, kun minimumaj modifoj. Se la verko aperas tro stranga al la reviziisto, ĉi tiu devas komuniki tion al la redaktisto, kiu proponos al la aŭtoro la necesan reviziadon. La intenco de la reviziado ne estas la reskribo de la verko, sed nur la korektado de eraroj ne antaŭe viditaj de la aŭtoro.
7. Poezion oni apenaŭ revizias, sed oni devas peti klarigon al la aŭtoro, se la poemo ne estas komprenebla post du aŭ tri legadoj.
8. Bona reviziisto devas eniri la etoson de la verko kaj proponi ŝanĝojn laŭ la spirito de la teksto kaj laŭ la stilo de la aŭtoro.
9. La reviziistoj devas resendi la tekston al la redaktisto kun la korektoj ruĝe faritaj, kun notoj ankaŭ ruĝe kaj interkrampe, sed minimumaj, por ke la reviziado ne sin transformu en bazlerneja korektado, kiu ŝtelus tro da tempo al la reviziisto kaj al la redaktisto.
10. Espereble oni komprenas klare, per ĉi tiuj bazoj, ke la lingva vojo de La Karavelo ekas el la Fundamento de Esperanto, de PIV, de la tradicio de niaj plej bonaj aŭtoroj, kaj de la nuna internacia esperanto-lingvouzo. Tamen, nia lingva vojo ne konsentas, ke oni sufoku esperanton enkadre de fundamentismo, kiu eĉ kontraŭus la propran Fundamenton kaj la perspektivon de Zamenhofo, bone montritan de li en lia postfundamenta uzado de la lingvo.

    Esperanto naskiĝis el naturaj lingvoj, laŭ maniero erudicia, kaj ĝia evoluado devas esti natura, kvankam gvidata, ne nur de Akademio, sed de ĉiuj esperantistaj partneroj, inter kiuj havas specialan rolon la poetoj, la verkistoj ĝenerale, la redaktistoj, kaj ĉiuj kiuj uzas esperanton kiel "vivantan, plene funkciantan lingvon", laŭ la saĝaj kaj erudiciaj vortoj de Ivo Lapenna.

## Ĉ – Abonoj

### La podofa versio

La Karavelo estas disdonacata senpage al ĉiu ajn, kiu ĝin elŝutas en podofa formato el la retejo de L.K., petinte aniĝon al ĝia diskutgrupo. Se vi sendos viajn komentojn al la diskutgrupo de L.K., kun pozitivaj kritikoj kaj proponoj, kaj ofte vizitos la retejon de L.K., tiel vi pagos vian podofan version. Tiu versio estas neprintebla, ĉar L.K. estas eldonata kaj

aĉetebla en papera versio.

### La papera versio

La papera versio aperas kun la jenaj ecoj:

libroforma A4 kun la ses antaŭaj revuoj;

molbindita;

nigreblanka;

ĉirkaŭ 144-paĝa;

ĉiun sesan monaton, en marto kaj en septembro.

La prezo estas 18 euroj plus afranko, por tiu molbindita sesopo.

Abonantoj havas rabaton de 10%, ne nur en la revuo, sed en ĉiuj publikigaĵoj de L.K., dum la tempodaŭro de la abono. La abono estas farata en la komenco de januaro, monato en kiu la abonanto devas pagi 32,40€ (36€-10%), kio lin rajtigas ricevi sesopon en marto kaj alian sesopon en septembro. La afranko estas pagata de la abonanto ĉe la poŝtejo, kiam li ricevas la libron.

La ***LK_abonilo.doc*** estas prenebla en la retejo de L.K. (sube en la ĉefa paĝo), kaj devas esti sendata al la retpoŝto de L.K.

Dum la abonjaro, la abonanto rajtas aĉeti ĉiujn publikigaĵojn de La Karavelo kun rabato de 10%.

## D - Anoncoj

La Karavelo publikigas kvar tipojn de anoncoj, kies ekzemploj aperas sube.

La anoncanto devas liveri al L.K. la enhavon de la anonco jam pretan por publikigo, en formato .jpg. Se necese, La Karavelo povas kompute desegni la anoncon kontraŭpage, laŭ papera formo liverita de la anoncanto. La entuta prezo, jara anonco plus ties desegnado, duobligas la normalan prezon de la anonco. En la postaj jaroj, la anoncanto rajtas uzi la saman anoncon, pagante nur la jaran prezon de la anonco. La anoncanto rajtas uzi tiun anoncon en aliaj publikigaĵoj laŭvole.

La anoncoj estas kontraktitaj ĉiam por unu sinsekva jaro, kaj pagitaj anticipe, en la mendo de la anonco.

Ĉiuj anoncoj aperas kaj en la podofa kaj en la papera versio. La prezoj inkludas ambaŭ.

Kun aliaj revuoj, La Karavelo deziras interŝanĝi anoncojn sen ambaŭflankaj pagoj; la grandeco de ĉi tiuj anoncoj dependas de interkonsento farita kun la partnera revuo.

La direktisto de L.K. rajtas rifuzi anoncojn.

Jen la ekzemploj de la kvar tipoj de anoncoj, kun ties nomoj, prezoj kaj grandecoj. Aliaj tipoj eblas, depende de interkonsento kun la direktejo de L.K.

**Anonco eta**

Jara prezo: 150€

Grandeco: 4 cm X 2 cm




**Anonco kvadrata**

Jara prezo: 200€

Grandeco: 3,5 cm X 3,5 cm







**Anonco kolumna**

Jara prezo: 300€

Grandeco: 5 cm X 8 cm



**Anonco granda**

Jara prezo: 450€

Grandeco – 8,2 cm X 10 cm

## E – Perantoj

La Karavelo bezonas perantojn, kiuj disvastigu, kaj en la esperanto-asocioj kaj en la reto, nian revuon por pligrandigo de la nombro de legantoj kaj abonantoj de L.K.

En ĉiu deko da venditaj revulibroj en sia lando, la peranto ricevos unu ekzempleron, kiun li povas donaci al familiano aŭ amiko, al sia esperanto-asocio, vendi al alia esperantisto, aŭ interŝanĝi por alia libro kun alia homo; laŭ sia plaĉo.

Krom la tre necesa helpo en la disvastigado, la peranto povos helpi la redaktejon de L.K. en la livero de la revulibroj kaj aliaj libroj de L.K. Ĉi tiu servo aŭ aliaj estas farataj, memkompreneble, laŭ la deziro, ebleco kaj plaĉo de la peranto.

La pagoj far la abonantoj al L.K. estas farataj rekte, do sen pera laboro de la peranto.

## F - Komputistoj

La Karavelo bezonas helpon ankaŭ en komputaj aferoj, i.a., por:

1. la retejo kaj dosierujo de La Karavelo;
2. estri la ĉeeston de La Karavelo en diversaj ofte vizitataj retejoj;
3. helpi la konstruadon de datenbazoj aŭtomatigitaj en la retejo de L.K.
4. ktp...

## G - Tradukistoj

La Karavelo baldaŭ ekeldonos siajn librojn papere, kaj ties tradukojn al etnaj lingvoj.



L.K. bezonas tradukistojn, kiuj tre kompetente regu teknike sian etnan lingvon kaj esperanton. Ĉi tiuj laboroj estas pagataj laŭ interkonsento kun la tradukisto. Unu el la eblecoj estas pago per simila tradukservo.

## Ĝ – Tradukistoj el *La Karavelo*

Traduku el La Karavelo al via etna lingvo, petinte permeson de la direktejo de L.K., kiu kontaktos la aŭtoron.

Post via traduko, sendu ĝin, en formato .doc, al L.K. por publikigo en nia retejo. Se via traduko estos publikigata en revuo, bv. sendu podofon de tiu paĝo al L.K.

Kiam oni tradukas el La Karavelo, oni nepre menciu, en la cellingvo kaj en esperanto: *"Tradukita el esperanto, sub permeso de la literatura revuo La Karavelo (n-ro 000, paĝo 00)."* Bv. traduku plej rigore. Esperanto ĉiam perdas, se la esperantisto ne strebas al kompetento.



VIZITU LA RETEJON DE

*La Karavelo*

**www.esperantopt.com**

*El la portugala muzo...*

## *Mesaĝo*

***de Fernando Pesoo***
*trad. João José Santos,*
*el la portugala*



Almado Negrejro,
Fernando Pesoo,
(1935)

### 4-A – LA KRONO

### Nuno Alvaro Perejro

Kia nimb' vin rondiras?
Estas glava volv' ofta,
kiu el aer' tiras
bluon nigran kaj softan.

Sed kiu glav' levita
ĉielan nimbon kreas?
Ekskalibur' la sankta,
kiun Artur' vin donis.

Espero plenigita,
sankta el nia lando,
vian glavlumon levu
por lumi nian vojon!



Luciano Freire, Don Nuno
Alvaro Perejro, 1904

### 5-A – LA NOBELSIGNO

### La kapo de l' grifo – Infanto Don Henriko

Sur lia trono inter la sferbrilo,
en lia vesto el nokto kaj solo,
sube l' mar' nova kaj l' eraoj mortaj:
l' imperator' unika stas li fakte
havanta ĉemane la globon.



Nuno Gonçalves, Paneloj de
Sankta Vicento (detalo:
Infanto Don Henriko), 1470

### Unu flugilo de l' grifo – Don Johano La Dua

Krucbrake li rigardas trans la maron
kvazaŭ montaro alta sur klifego:
la limo de la tero jen reganta
la maron ekzisteblan trans la tero.

Lia figuro pompa sola plenas
la maron kaj ĉielon, pro ĉeesto,
kaj ŝajnas ke l' diversa mondo timas,
se li apertos brake, vualrompon.



Rui de Pina, Portreto de Don
Johano La Dua, 16-a j.c.

### L' alia flugilo de l' grifo – Afonso Albukerko

Stare sur tiuj landoj konkeritaj,
liaj okuloj lacas
pro vid' de mond', kaj sorto, kaj maljusto.
Sen pens' pri viv' aŭ morto,
tiel povplena, li ne volas kiom
li povas, ĉar vol' tia
premus pli ol la mondon subalternan
per lia paŝ' profunda.
Donis al li la Sort' tri imperiojn.
Li ilin kreis degne.



J. C. Silva, Afonso de
Albuquerque - Governador
da India, 1774



# Kroniko pri la sklaveco

## de Machado de Assis

*trad. Francisco Wechsler, el la portugala*

*El la portugala muzo...*



Jean-Baptiste Debret, Sklavo punota, s.d.

Sklaveco en Brazilo estis aboliciita la 13-an de majo de 1888. Per sia kutime ironia stilo, Machado de Assis (1839-1908) verkis pri ĉi tiu historia mejloŝtono kronikon, kiu aperis en la ĵurnalo "Gazeta de Notícias", la 19-an de majo. En ĝi li antaŭvidas, samkiel multaj aliaj, ke la stato de la ekssklavoj ne multe ŝanĝiĝos, pro jarcentoj da jugado kaj pro manko de aliro al edukado, bonpagaj oficoj kaj kulturebla grundo. Tiel efektive okazis, kaj la postefikoj bedaŭrinde estas sentataj ankoraŭ nuntempe.

Bonan tagon![1]

Mi apartenas al familio de profetoj *après coup*[2], *post factum*[3], postkatastrofaj, aŭ iu ajn pli taŭga nomo en la nederlanda. Tial mi diras, kaj ĵuras se necese, ke la tuta afero pri ĉi tiu leĝo de la 13-a de majo jam estis de mi antaŭvidita, des pli ĉar lunde, eĉ antaŭ la debatoj[4], mi decidis liberigi unu sklaveton de mi posedatan, homon proksimume dek-ok-jaran. Liberigi lin kostis neniom; mi ekkomprenis, ke *malpli da posedo, malpli da tedo*, kaj donacis vespermanĝon.

En tiu ĉi vespermanĝo, kiun miaj amikoj nomis festeno, pro manko de pli taŭga nomo, mi kunvenigis ĉirkaŭ kvin homojn, kvankam la raportoj informis pri tridek tri (jaroj de Kristo), celante doni al ĝi simbolan aspekton.

Je la meza frapo (*coup du milieu*, sed mi preferas paroli mian lingvon[5]), mi ekstaris tenante ĉampanpokalon kaj deklaris, ke, sekvante la ideojn predikitajn de Kristo antaŭ dek ok jarcentoj, mi redonas la liberecon al mia sklavo Pancrácio[6]; ke mi opinias, ke la tuta nacio devus sekvi la samajn ideojn kaj imiti mian ekzemplon; fine, ke la libereco estas donaco de Dio, kiun homoj ne povas forŝteli senpeke. Pancrácio, kiu kaŝobservadis, enkuris la manĝoĉambron kiel uragano, kaj venis brakumi al mi la piedojn. Unu el miaj amikoj (kiu ankaŭ estas mia nevo, mi kredas) prenis alian pokalon, kaj petis de la nobla ĉeestantaro, ke ĝi reagu al la faro, kiun mi ĵus anoncis, tostante je la plej nobla Rio-ano. Mi aŭskultis kapkline; mi faris alian paroladon dankante, kaj transdonis la liberigpaperon al la sklaveto. Ĉiuj kortuŝitaj poŝtukoj kaptis la larmojn de admiro. Mi falis sur seĝon kaj nenion plu vidis. Nokte, mi ricevis multajn kartojn. Mi kredas, ke oni pentras mian portreton, supozeble per olefarboj.

La sekvan tagon mi alvokis Pancrácio kaj diris al li, kun malofta senkaŝeco:

- Vi estas libera, vi rajtas iri, kien ajn vi volas. Ĉi tie vi havas amikan hejmon jam konatan kaj vi ricevos plie salajron, salajron, kiu...

- Ho, masĉjo! Mi restos.

- ...Etan salajron, kiu tamen kreskos. Ĉio kreskas en ĉi tiu mondo; vi kreskis treege. Kiam vi naskiĝis, vi estis bubeto tiel ĉi malgranda; hodiaŭ vi estas pli alta ol mi. Lasu min rigardi; vidu, vi estas kvar fingrodikojn pli alta...

- Alto signifas nenio, masĉjo...

- Eta salajro, mi ripetas, ĉirkaŭ ses mil rejsoj[7]; sed *de grenero al grenero pleniĝas la kropo de ansero*. Vi valoras multe pli ol ansero.

- Mi valoras meleagro, jes, masĉjo.

- Precize. Do ses mil rejsoj. Post unu jaro, se vi kondutos bone, kalkulu je ok. Ok aŭ sep.

Pancrácio ĉion akceptis; li akceptis eĉ fingrofrapon, kiun mi donis al li la sekvan tagon, ĉar li ne taŭge brosis miajn botojn; rezultoj de la libereco. Sed mi klarigis al li, ke la fingrofrapo, estante natura impulso, ne kapablas nuligi la civilan rajton akiritan per dokumento, kiun mi donis al li. Li daŭros libera, mi daŭros fihumora; ambaŭ estas naturaj statoj, preskaŭ diecaj.

Ĉion komprenis mia kara Pancrácio; ekde tiam, mi donas al li kelkajn piedbatojn, unu aŭ du oreltirojn, kaj mi nomas lin azeno, aŭ eĉ diablido; aferoj, kiujn li ricevas humile, kaj (Dio pardonu min!) mi kredas, ke eĉ kun ĝojo.

Mia plano estas preta; mi volas fariĝi deputito, kaj, en la cirkulero, kiun mi sendos al miaj elektontoj, mi diros, ke, longe, tre longe antaŭ la laŭleĝa abolicio, jam hejme, en la modesteco de mia familio, mi liberigis sklavon, faro kortuŝinta ĉiujn homojn, kiuj pri ĝi eksciis; ke tiu sklavo, lerninte legi, skribi kaj kalkuli (simplaj supozoj), estas profesoro pri filozofio en Indianujo; ke la homoj purkoraj, bravaj kaj vere politikaj estas ne tiuj, kiuj la leĝon obeas, sed tiuj, kiuj ĝin anticipas, dirante al sklavo: *vi estas libera*, antaŭ ol la aŭtoritatuloj ĝin diros, ĉiam malfrue, ŝanceliĝe kaj sen kapablo restarigi justecon sur la tero, por kontentigo de la ĉielo.

Bonan nokton.

1 Kroniko publikigita en la gazeto "*Gazeta de Notícias*", la 19-an de majo 1888. El la libro *Kompleta Verkaro, Volumo 3*. Machado de Assis. 3-a eldono. José Aguilar, Rio de Janeiro. 1973. Paĝoj 489-491.

2 Originale en la franca: post la frapo. Tiam paroli france montris rafinitecon kaj kulturon.

3 Originale en la latina: post la fakto. Latinaj citaĵoj celas montri erudicion.

4 La parlamentaj debatoj komenciĝis per prezento de leĝoprojekto al la Ĉambro de Deputitoj, la 7-an de Majo (lunde). La abolician leĝon sankciis Princino Isabel, la 13-an de Majo (dimanĉe).

5 La franca esprimo *coup de milieu* signifas, ĝustadire, alkoholaĵon, kiun oni trinkas meze de manĝo. La mistraduko ironie substrekas la ŝajnerudicion.

6 Prononcu [pan'krasjo].

7 Mil tiamaj rejsoj aĉetus, ekzemple, tagmanĝon ĉe pensiono, kvar botelojn da malbona biero aŭ dek du ovojn. Meleagro kostis dek du mil rejsojn. Tiama manlaboristo gajnus ĉirkaŭ mil rejsojn monate; sed en la teksto verŝajne temas pri tutjara pago, do tre malalta.



# Padre António Vieira

## (Lisbono 1608 – Bahio 1697)

### En la 400-jariĝo de la naskiĝo de la plej eminenta prozisto de la portugala lingvo.

**de João José Santos**



***Pastro Antono Viejro*** (portugale: Padre António Vieira ['padre an'tonju vi'ejra] naskiĝis la 6-an de februaro 1608 en Lisbono, kaj mortis en Bahio en la 18-a de julio 1697. Viejro estis jezuito, kiu multe predikis, havis gravan diplomatan agadon, estis politikisto kaj altkvalita verkisto. Laŭ Fernando Pesoo, li estis la imperiestro de la portugala lingvo, kaj fakte oni prave konsideras lin kiel la plej eminentan proziston de sia lingvo. Majstro de retoriko, Viejro verkis en perfekta stilo, en kiu la tropoj sin sekvas, unu al la aliaj, kiel instrumentoj de la penso je la servo de la digno de la Homo. Li vivis dum la 17-a jarcento, kiu estis estetike regata de la baroko. La arto prilabori la vorton, la frazon kaj la tekston atingas la perfektecon en Viejro, kiu neniel falas en la vakuon de multaj el liaj samtempanoj, kiuj, timigitaj de la inkviziciaj ungegoj, transformis multfoje la tekstojn en sensencan tropan floradon. Ĉe Viejro tute ne. Ĉio havas funkcion sub lia plumo, nenio vanas.

Viejro estis la unua el kvar infanoj. La patro originis el Alenteĝo kaj la patrino estis el Lisbono. La patra avino estis nigrulino. Tiatempe Alenteĝo estis plena je nigruloj, laborantaj en la vastaj grenaj ebenoj. Nuntempe oni apenaŭ vidas nigrulojn en tiu regiono, ĉar intertempe ili komplete miksiĝis kun la blankuloj. Viejro lernis la legadon kaj skribadon de la patrino, ĉar la patro, ŝtata sekretario, estis irinta al Bahio (Brazilo), kiam li estis 1-jaraĝa.

Kiam li estis 7-jaraĝa, li iris kun la familio al Bahio, en Brazilo, kiu tiatempe estis portugalia teritorio. En 1623, tiam 15-jaraĝa, li eniris la Kolegion de la Jezuitoj. Dum kelkaj monatoj, li estis en kristaniga misio en la vilaĝo Sankta Johano. En 1624, la nederlandanoj okupis la urbon, kaj do la jezuitoj, kaj ankaŭ Viejro, sin rifuĝis en vilaĝo de la landinterno. Tiam li studis indiĝenajn lingvojn. En 1626, tiam nur 18-jaraĝa, Viejro iris al la Kolegio de Olindo, en Pernambuko, kie li instruis retorikon, kiel majstro, dum du jaroj. Poste, li reiris al Bahio. En tiu tempo, li skribis komentariojn al tekstoj de Seneko kaj Ovidio. Tiuj komentarioj perdiĝis. En 1633, li verkis kaj eldiris siajn unuajn kvar predikojn. En 1635, tiam 27-jaraĝa, li pastriĝis en "São Salvador da Bahia", la tiama ĉefurbo de Brazilo, portugala kolonio.

En 1638, tiam 30-jaraĝa, Viejro estis nomumita profesoro pri teologio en Kolegio de Salvadoro. Tiam li skribis kelkajn religiajn komentariojn pri bibliaj tekstoj. Ankaŭ tiuj tekstoj perdiĝis.

En 1640, ankoraŭfoje la nerderlandanoj maratakis Bahion. Tiam li verkis sian predikon *Por la bona sukceso de la portugalaj armoj kontraŭ tiuj de Nederlando.*

En 1641, li revenis al Lisbono por sin subprezenti al la nova reĝo Don Johano la 4-a, por lin apogi en la restarigo de la sendependeco de Portugalio, kiu dum 60 jaroj (1580-1640) falis sub la regadon de Hispanio.

En 1642, li predikis unuafoje en la reĝa kapelo. En tiu jaro, estis de li eldirita ankaŭ *Prediko de Sankta Antono*. En tiu prediko, li vokis la nobelojn kaj la eklezion finance partopreni en la militapogo, ĉar tiuj du sociklasoj estis liberaj de impostpagoj. Impostojn pagis nur la komercistoj kaj la popolo.

En 1643, li proponis al la reĝo Don Johano la 4-a, ke oni ricevu en la landon la komercemajn judojn, ĉar la regno bezonis monon. Li sugestis ankaŭ la kreadon de Kompanio de Komerco kaj la terkulturon de hindaj produktoj en Brazilo. En 1644, en alia prediko, Viejro proponas la starigon de du komercaj kompanioj, unu por Brazilo alia por Hindio.

En 1646, la reĝo donis al li diplomatiajn laborojn en Nederlando. Reveninte al Lisbono, Viejro sendas al la reĝo proponon favoran al la judoj. En 1647 li reiris al Nederlando por negoci pacon kun tiu lando. Tiam nederlandaj judoj kunlaboras kun li.

En 1649, estis kreata *Ĝenerala Kompanio de Komerco de Brazilo*, kiu havis la monopolon de la komerco de moruo, olivoleo, vino kaj tritiko. Tiam oni premas lin, por ke li forlasu la Kompanion de Jesuo. La reĝo lin defendas. Aperas denuncoj kontraŭ li en la Inkvizicio. Tiam li ekverkas *Historio de Futuro.*

En 1650, Viejro havas sian unuan diplomatian mision en Romo. Oni minacas mortigi lin. Daŭre li predikas kaj verkas.

En la fino de 1652, li reiris al Brazilo, kiel misiestro de la jezuitoj en la regionoj de Maranjo kaj Parao. Tamen, unue li pasis la kristnaskon en Kaboverdo. Li atingis Maranjon en la 16-a de januaro 1653, kie li predikis vive kaj forte kontraŭ

la sklavismo. En 1654, Viejro revenis al Lisbono por peti de la reĝo novajn normojn pri la statuto de la indiĝenoj de Maranjo. Antaŭ ol reiri al Brazilo, li eldiris sian plej konatan, kaj eble plej belan, predikon: *Prelego de Sankta Antono al la fiŝoj*. En la vojaĝo, proksime de Asoro, la ŝipo estis atakata de nederlandaj piratoj, kiuj ĝin priŝtelis. En Asoro, li iris de insulo al insulo, kaj finfine angla ŝipo portis Viejron al Brazilo.

Viejro plu predikis, plu verkis, plu defendis la indiĝenojn. En 1655, li havis plenajn povojn por la organizado de la indiĝenaj en vilaĝoj.

En 1658, tiam 50-jaraĝa, Viejro estis nomumita vizitisto.

En 1660, Inkvizicio organizas proceson por aresti Viejron. Post unu jaro, li suferas pro malario.

En 1662, ĉe politikaj problemoj inter la reĝo Don Afonso la 6-a kaj la reĝino, Viejro prenis la partion de la reĝino, kaj estis devigata loĝi en Porto. La Tribunalo de Inkvizicio procesis lin pro herezio. Tiam, pro malsano, li pasis kelkan tempon en bieno de Vilafranko. En 1663, Inkvizicio devigis lin iri al Koimbro, kaj lin malpermesas iri al Brazilo. En 1664, Viejro estis kondamnata al la prizono far Inkvizicio. Unue li restis en hejma prizono en la Kolegio de Koimbro, poste oni arestis lin en inkvizician prizonon, ĝis la fino de la proceso. En 1666, li liveris al Inkvizicio sian defendon.

En 1667, Inkvizicio verdiktis, ke Viejro nur povas loĝi en loĝejoj de la Kompanio de Jesuo, kaj ne rajtas prediki.

En 1668, tiam 60-jaraĝa, Viejro estis liberigata. Tiam li rajtis preĝi, sed limigita en la aferoj, en kiuj li estis akuzita. En 1669, li vojaĝis al Romo por sin liberigi de la limigoj truditaj al li far Inkvizicio. Li vojaĝis tra Eŭropo kaj restis en Romo ĝis 1675. En 1673, li predikis antaŭ la reĝino Kristino el Svedio.

En 1674, Viejro sukcesis, de la papo Klemento la 10-a, la suspendon de ĉiuj agoj kontraŭ li far la Tribunalo de Inkvizicio en Portugalio, kaj la rajtigon de la novkristanoj (la judoj) repledi post la decidoj de tiu tribunalo. Don Petro la 2-a postulis lian revenon al Portugalio.

En 1675, Viejro revenis al Lisbono, absolvita de la pasintaj punoj, kaj libera por ĉiam de la jurisdikcio de la portugala Inkvizicio. Sed nur de la portugala, kaj do, li evitis la vojaĝon tra Hispanio, kio devigis lin eniri en Portugalion nur per ŝipo.

En la postaj jaroj, en Portugalio, Viejro daŭre verkis, kiel ĉiam dum sia tuta vivo. En 1679, li publikis la unuan eldonon de siaj *Predikoj.*

En 1681, tiam 73-jaraĝa, li definitive iris al Bahio. En Portugalio, la reĝo kaj la episkopoj petis denove la restarigon de Tribunalo de Inkvizicio. La koimbraj studentoj bruligis bildojn de Viejro, festante la revenon de Inkvizicio.

En 1682, sub lia influo, estis kreata la *Komerca Kompanio de Maranjo*. En Lisbono estis publikata la dua volumo de liaj *Predikoj*.

En 1683, la studentoj de la meksika universitato omaĝis Viejron. En Lisbono, publikiĝas la tria volumo de liaj *Predikoj.*

En 1688, tiam 80-jaraĝa, kvankam li ne plu povis vojaĝi, oni nomumas lin Ĝenerala Vizitisto de la tuta provinco de Brazilo. Dum tri jaroj li plenumis tiun postenon.

En 1690, per la mono de siaj libroj, Viejro financis la mision de la pastro Johano de Baro (por: Padre João de Barros) ['padre jhu'ãu de 'barush] ĉe la indiĝenoj Kaririso en Bahio. Internaj disputoj en la Kompanio de Jesuo intencis lin silentigi denove.

Kiam 88-jaraĝa, li verkis sian lastan predikon: *Prediko pri la feliĉega naskiĝo*, por omaĝi la naskiĝon de la princino Don Terezo.

En 1697, jam 89-jaraĝa, li preparis la 12-an volumon de siaj *Prelegoj.* Mortis Viejro en la urbo Salvadoro, en Bahio, en la 18-a de julio. En decembro, la Estro de la Kompanio de Jesuo disvastigis, ke Viejro pravis en sia lasta pledo. La kofro, kie estis garditaj multaj el siaj skribaĵoj, malaperis.

Tra la jaroj, la verkoj de Viejro aperis en diversaj eldonoj. En la jaro 2000, la Nacia Biblioteko, en Lisbono, publikis kritikan eldonon de la viejra verko "*Clauis Prophetarum (Libro 3)*" (esp.: *Ŝlosilo de la profetoj*), rekte tradukita el la latina en la portugalan far "Arnaldo do Espírito Santo" [por.: ar'naldu du 'shpiritu 'santu], profesoro pri latina filologio en *Beletra Fakultato de la Universitato de Lisbono*. La altan kompetenton de la citita profesoro agnoskas la aŭtoro de ĉi tiuj linioj, kiu sin sentas honorigita esti havinta tian profesoron en tiu fakultato, i.a.

Multfoje, Viejro ripetis, en siaj predikoj, la frazon de Scipiono, la Afrikano (236-183 a.K.), la viro, kiu venkis la kartaganon Hanibalo, en Zamo: "(lat.) *Patria ingrata, non possidebis ossa mea" (Maldankema patrio, vi ne posedos miajn ostojn)*. Efektive, en 1720, la ostoj de Viejro, kiuj estis metitaj en urno, malaperis. Alia el la multegaj tekstoj el lia klera saĝeco asertas: *La portugaloj havas etan landon kiel lulilon, kaj la tutan mondon por morti.* Ĉi tio aplikiĝis al li mem, kiu mortis en portugala provinco, sed povus esti mortinta en Romo, Italio, Svisio aŭ en alia lando. Alia el liaj multaj kleraj diraĵoj estas: *En ĉi tiu mondo, ekzistas multaj mizeroj, kiuj ne estas malscio. Sed ne ekzistas malscio, kiu ne estas mizera.*

**www.esperantopt.com**

*El la nederlanda florado...*



## *La nigraj heĝoj*

*(nederlande: De zwarte dorenhagen)*

***de Guido Gezelle, 1891***
*trad. Leo De Cooman*

La heĝoj nigraj el kratagoj
per junverdaĵo fine priŝutiĝas
promesante ĝojan jaron.

Antaŭ nelonge sur barilo kuŝis neĝo
ĉie renkontita de okulo;
nun ĝi floras, dolĉodoras.

Ho somerkrataga heĝo, vi bonvenu;
ĉe mateno de paskfesto;
for de vi la vintraj zorgoj!

Venu ĝoje nun konstrui nestojn
kaj tro longe ne prokrastu
vi, harpistoj lertaj de l' ĉielo!

Aŭdu mi jam la pepadon de la idoj
antaŭ la ruĝiĝo de la heĝoj
per tapet' de ardaj beroj,

Kaj jam lerte enaeras oldaj, junaj;
tro rapide kaj ja ĉie
ĝoja jaro jam finiĝas!



*Memoru ne matene juĝi, ne cedigi. Raru bele, ine.*

*En iel ebura rigidec' eniĝu. Jen eta menuro mem.*

Palindromo sendita de Roger Gotardi.

*En karavelo esperantisma...*



***de Luiza Carol***
*verkis ambaŭ fablojn*

## *Ŝtono kaj ŝarko*

***Kie regas la forto, tie rajto silentas.***

Foje, grandega Ŝtono alparolis Ŝarkon:

- Ĉu vi ne hontas, abomeninda Ŝarko? Kiel vi povas konduti tiel fimaniere? Mi ĵus vidis vin mortigi kaj manĝi senkulpan delfenon! Ho, ve! Eĉ ŝtonkoro kiel mia ribelas kontraŭ tia krueleco! Ĉu vi tute ne memoras, ke vi antaŭ nelonge subskribis la Gravan Interkonsenton pri Paco inter Bestoj, ĉe la kongreso de Organizo de Unuiĝintaj Bestspecioj?

Respondis la Ŝarko:

- Ha, ha! Mi ne forgesis tion, Ŝtono. Sed… kredu min… mi neniam subskribis iun ajn interkonsenton pri la respektado de interkonsentoj…

## *Dilemo*

***Vi varmigos serpenton, ĝi al vi enpikos la denton.***

Jen bela junulino hazarde malkaŝas kaptilon, kiu enhavas plorantan serpenton.

- Helpu, helpu min! Elprenu min el tiu ĉi kaptilo, bela kaj milda junulino! Mi petegas, ke vi helpu min!

- Ne, ne... Mi ne helpos serpenton. Mi scias, ke serpentoj estas mensogemaj. Se oni fidas serpenton, ĝi mortigas onin.

- Sed mi ne estas venena serpento! Mi apartenas al specio de vegetarana, sendanĝera serpento! Eĉ muŝon mi ne mortigus!

- Ne, ne... Mi ne fidas vin, serpento. Mi lernis en la lernejo proverbon, kiu diras: "Vi varmigos serpenton, ĝi al vi enpikos la denton." Mi eĉ ne proksimiĝos al vi, serpento.

- Ho, karega belulino! Kompatu min! Mi estas vundita, soifanta kaj malsatanta...

- Ne... Mi ne fidas serpenton.

- Ne foriru, junulino! Se vi foriros, vi fakte mortigos senkulpan serpenton! Kompatu min... Vegetarana serpento mi estas. La venenaj serpentoj malamegas nian specion... Ili ĉasadas nin, mortigas nin kaj manĝas nin... La homoj kutime malfidas ĉiujn serpentojn, ĉar ni samaspektas... Sed niaj animoj estas malsamaj... Ankaŭ vi, la homoj, preskaŭ samaspektas, dum viaj animoj estas ofte malsamegaj, ĉu ne? Helpu min, junulino! Mi petegas...

La junulino estas kortuŝita. Ŝi iomete proksimiĝas al la serpento... malproksimiĝas... proksimiĝas... malproksimiĝas... Kion ŝi faru? Kion vi farus, se vi estus en ŝia situacio?

*El la fora latina...*



# Parolado pri la Homa Digno[1]

**de Pico della Mirandola (1463-1494)**

*trad. Gerrit Berveling, el la Latina*

***Giovanni Pico della Mirandola*** (Fossa, Modeno 1463 – Florenco 1494), grafo de Mirandolo, estis itala humanisto kaj filozofo. La pensmaniero de Piko referencas al la platona filozofio de Marsilio Ficino, sed li ne okupiĝas pri la kontraŭaristotela polemiko. Li provis repacigi la Aristotelismon kaj la Platonismon en superan sintezon, kun religia kaj kultura elementoj, kiel, ekzemple, la orfea tradicio de Hermeso Trismegisto kaj de la kabalo. Piko priskribas la kabalon kiel fonton de scio, el kiu oni ĉerpu por deĉifri la misteron de la mondo, kaj en kiu Dio aperas obskure, ĉar li estas eksterece neatingebla de la racio; sed la homo povas eltiri la maksimuman lumon el tia malheleco. Krome, Piko volas substreki la temon de la digno kaj de la libereco de la homo. Fakte la homo, diris Piko, estas la sola kreitaĵo, kiu ne havas antaŭpensitan naturon.
Johano Piko subtenis, ke la homo *forĝas sian propran destinon* laŭ propra volo, kaj ties libereco estas maksimuma, ĉar li estas nek animalo nek anĝelo, sed li povas esti iu aŭ alia laŭ *kultivado* de kelkaj *semoj el ĉia speco*, kiuj estas en li. Blaise Pascal, en 1600, rekonsideris, parte, ĉi-vidpunkton, kaj asertis, ke la homo estas *nek anĝelo nek besto*, kaj ke la propra pozicio en la mondo estas meza punkto inter ĉi-ekstremoj; tia meza punkto, tamen, laŭ Piko ne estas mezvalorulo (parte anĝelo kaj parte besto), sed estas la volo (aŭ la libera decido), kiu permesas al ni la elekton de nia pozicio. Do la homo, laŭ Piko, estas la plej digna inter ĉiuj kreitaĵoj, ankaŭ pli ol la anĝeloj, ĉar li povas elekti kian kreitaĵon esti.

**1**: 1 Plej alte estimindaj Patroj! En la malnovaj skriboj de l' Araboj mi legis, ke al la demando, kion en ĉi kvazaŭ tutmonda scenejo li konsideras plej admirinda, la Saraceno Abdallah respondis, ke «nenio povas esti vidata, pli admirinda ol la homo». 2 Al ĉi sentenco kongruas la jena de Merkurio: «Granda miraklo, ho Asklepio, estas la homo»[2].



Giovanni Pico della Mirandola (1463-1494)

**2**: 3 Kiam la kaŭzon de ĉi asertoj mi pripensis, min ne kontentigis, kion kutime oni mencias kiel avantaĝojn de la homa naturo: ke la homo estas ia peranto inter la kreaĵoj, ĉar li estas familiara al la plej superaj kaj regas super la estaĵoj sub li; dank' al la akreco de siaj sensumoj, la penetremo de sia racio kaj la lumo de l' intelekto, li interpretas la naturon; troviĝante meze inter eterneco kaj tempopasado, li estas (kiel tion nomas la Persoj) «kuntenilo de la mondo», ja ĝia «nuptokanto», li, kiu estas – laŭ atesto de David – apenaŭ malpli ol la anĝeloj[3].

**3**: 4 Ĉio ĉi, senkonteste, estas grava, sed tio ne tuŝas la ĉefan aferon, nome ke tio pravigu la privilegion pri senlima admirado. 5 Kial ni ja ne pli admiru la anĝelojn aŭ la ĉielajn korusojn de l' sanktuloj? 6 Sed mi kredas, ke mi nun vere komprenas, kial la homo estas la plej feliĉa estaĵo – kaj tial do inda je ĉiu admiro! – kaj kiun staton li ricevis en la hierarkio de l' estaĵoj, staton, kiu enviigas ne nur la bestojn, sed ankaŭ la stelojn kaj la preter-terajn spiritojn. 7 Afero nekredebla kaj mirinda! 8 Sed kial ne? Ĉar ja ĝuste surbaze de ĉi tio la homo prave estas konsiderata kaj nomata granda kaj mirinda miraklo. 9 Sed aŭskultu, Patraj moŝtoj, pri kio temas, kaj afable prezentu al mi vian bonvolan atenton.

**4**: 10 La plej alta Patro, Dio la Arkitekto, jam konstruis ĉi tutmondan domon, kiun ni vidas, ĉi templon plej subliman de l' Diaĵo, laŭ la leĝoj de sia kaŝita saĝeco. 11 La superĉielan regionon Li jam ornamis per spiritoj, la ĉielo-sferojn Li jam vivigis per senmortaj animoj, kaj la ejojn de malpuraj ekskrementoj kaj fekaĵoj de la suba mondo Li jam plenigis per ĉiuspeca amaso da bestoj. 12 Sed, post plenumo de l' laboro, la granda Artisto deziris, ke ekzistu iu, kiu estu kapabla kompreni la sencon de tia verko, ami ĝian belecon kaj admiri ĝian grandiozon. 13 Tial, dum (laŭ atesto de Moseo kaj Timajo[4]) ĉio jam pretis, Li fine ekpensis pri la kreo de la homo. 14 Estis vere, ke ne plu

---

1 La tuta teksto aperos ĉe VoKo, Zwolle.
2 *Asclepius* 6. Temas pri Hermetika traktato, transdonita inter la skriboj de Apulejo; estas Latina traduko de perdiĝinta Greka originalo, 4a jc p.Kr.. Fragmentoj el ĉi *Asclepius* estis trovitaj en Kopta traduko en la fama biblioteko de Nag Hammadi – kodekso 6: 7 kaj 8.
3 Psa 8:4 k.s.
4 Moseo – *Genezo* 1. Timajo - *De anima mundi* 99 D. La verko dependas de la *Timajo* de Platono; tiutempe kiel aŭtoron oni konsideris maljunan Pitagoranon Timajo de Lokroj; la cito, kiun li aludas, tekstas: *Post konstruado de la kosmo, Li (= la Dio) intencis krei mortemajn vivulojn, por fini ĉion laŭplane. La homan animon Li miksis el la samaj elementoj kaj fortoj, kaj atribuis ĝin al la ŝanĝiĝema naturo.*

restis arĥetipo laŭ kiu Li formu novan kreitaĵon, nek en Liaj trezorejoj io postrestis per kio herede riĉigi novan filon, nek iu ajn loko restis en la tuta mondo, kie tiu ĉi observanto de l' universo povus eksidi. 15 Ĉio jam estis plena; ĉio jam estis distribuita inter la plej superaj, la mezaj, kaj la subaj rangoj. 16 Sed la potenco de la Patro ja ne povis – kvazaŭ elĉerpita – malsukcesi ĉe sia lasta kreo; lia saĝeco ja ne povis senespere perdiĝi ĉe tiel necesa okazo; lia bonvola amo ja ne povis toleri, ke, kiu ĉe aliaj estaĵoj admire laŭdos la Dian malavaron, samtempe estos devigita mallaŭdi ĝin koncerne sin mem.

**5**: 17 Fine decidis la plej bona Artisto, ke la homo, al kiu Li ja povis doni nenion kiel propraĵon, – ke tiu partoprenu en ĉio, kio specife estis atribuita al la aliaj. 18 Li do konceptis la homon kiel estulon sen difinita aspekto; Li metis lin mezen en la mondo, kaj alparolis lin: «Nek certan loĝlokon, nek propran aspekton, nek ajnan difinitan taskon Ni donis al vi, ho Adam, tiel ke, kiun ajn loĝlokon, kiun ajn aspekton, kiun ajn taskon vi mem preferos, tiujn – propravole, propradezire – vi povos kapti kaj teni. 19 La naturo de ĉiuj ceteraj estas limigita per leĝoj, kiujn Ni fiksis. 20 Sed vi, de nenio bremsata, nur laŭ propra decido, ĉar Mi metis vin en vian propran manon, vi fiksos tiujn por vi mem. 21 Mezen de la mondo Mi vin metis, por ke de tie des pli facile vi ĉirkaŭrigardu, kio estas en la mondo. 22 Nek ĉielan nek teran, nek mortidevan nek senmortan Ni vin faris, por ke laŭ propra juĝo kaj decido, mem formante kaj modlante, vi muldu vin mem en la formon kiun vi deziras. 23 Vi povas degeneri en la plej fian, kio estas bruta; sed vi ankaŭ povas, se volas via animo, renaskiĝi en la plej altan, kio estas Dia.»

**6**: 24 Ho sublima malavaro de Dio la Patro: ho grandega, mirinda feliĉo de la homo! 25 Al li estas donite: havi, kion li volas, esti, kion li deziras. 26 La bestoj, tuj denaskiĝe (kiel diras Lukilio[5]) «el la utero» jam kunportas sian tutan estontan havaĵon. 27 La plej altaj spiritoj ĉu dekomence ĉu jam baldaŭ poste estis ekzakte, kiaj ili estos en senfinajn eternecojn. 28 Sed en la homon ĉe la naskiĝo la Patro enmetas ĉiajn semojn kaj ĝermojn de ĉiuspeca vivo. 29 Kaj kiujn la homo flegas, tiuj adoltiĝas, kaj donas fruktojn en li. 30 Se <nur la> vegetaĵajn, li fariĝas planto. Se la sensajn, li fariĝas bruto. Se la raciajn, li montras sin ĉiela vivulo. Se la intelektajn, li estas anĝelo kaj filo de Dio. 31 Kaj se, malkontenta pri la sorto de ĉiuj kreaĵoj, li retiriĝas en la centron de si mem kaj unuiĝas kun la spirito de Dio en la soleca mallumo de la Patro, kiu staras super ĉio, tiam ankaŭ li staros super ĉio.

**7**: 32 Kiu do ne admiru ĉi nian ĥameleonon? 33 Aŭ pli admiru ion alian? 34 Ne senkiale la Atena Asklepio asertis - pro ĉi formŝanĝiĝa, sin mem ŝanĝanta naturo -, ke la homo estas simbolata en la misteroj per Proteo; 35 tial do ankaŭ ĉe Hebreoj kaj Pitagoranoj la metamorfozoj estas tiel popularaj:



La kabalisma arbo de la vivo (mezepoka).

**8**: 36 la pli sekreta teologio de la Hebreoj jen ŝanĝas la sanktan Henoĥon[6] en anĝelon de Dio, same kiel aliajn homojn en Diajn estaĵojn. 37 La Pitagoranoj mistransformas krimulojn en sovaĝajn bestojn kaj, se kredi al Empedoklo, eĉ en plantojn. 38 Kaj imitante tion, Mohammed ripete eldiris, ke, kiu devojiĝas de la Dia leĝo, ŝanĝiĝas en sovaĝan beston, kaj prave. 39 Ĉar ne karakterizas la planton ĝia kortiko, sed la stulta kaj nenion sentanta naturo; la brutojn ne <karakterizas> ilia haŭto, sed la bruta kaj sensuala animo; nek la ĉielon ĝia volbaĵo, sed la ĝusta racio; kaj la anĝelon faras ne la senkorpeco, sed la spirita inteligento. 40 Ĉar se homon vi vidas, kiu rampas surtere, dediĉita al sia ventro, tiam estas vegetaĵo, ne homo, kion vi vidas; se iu estas blindumita de vanaj ĥimeroj de l' fantazio, kvazaŭ sub sorĉo de Kalipsoa, kaj de l' delogaĵoj de la sensoj sin lasas sklavigi, tiam estas bruto, ne homo, kion vi vidas. 41 Sed se filozofon vi vidas, kiu ĉion distingas per rekta racio, tiun vi honoros; estas ĉiela vivulo, ne tera. 42 Se fine <vi vidas> puran kontemplanton, kiu ne plu scias pri la korpo, retiriĝinte en la internon de sia spirito, - tiu ne estas tera nek ĉiela vivulo; li estas plej alta Dia estaĵo vestita en homa karno.

**9**: 43 Kiu do ne admiru la homon?



5 Latina satiristo. Vidu en *Antologio Latina* 1.

6 La origina Zamenhofa formo de la nomo, kiun en la *Londona Biblio* ni konas kiel *ĥanoĥ*. Eble estas aludo al la verko, kiu estas kanona nur en la Etiopia eklezio.

*En karavelo esperantisma...*



# La vera historio de esperanto

**de Geraldo Mattos**

Mi malkovris mistajpon en la Biblio, similan al la tre oftaj eraroj de tiuj, kiuj multe skribas: la cerbo komandas la numeron 12, sed la fingroj malobeas kaj grafikas 21… Tiajn erarojn mi mem ofte faras, kaj eĉ nun la relego de mia skribaĵo montris al mi la nomon de nekonata universala lingvo: Esparento… Kaj bonvolu ne serĉi ĝin, ĉar mi ĝin jam forĵetis, danĝeran konkurecon de la lingvo, per kiu mi nun skribas.

La vera historio de Esperanto komenciĝas ie en la mondo proksimume antaŭ mil jarcentoj, kiam ekzistis milionoj da arboj por unu sola homo: en tia praepoko la mondo ne estis blua, sed verda!

Kaj ie en tia mondo vivis verda popolo, kiu loĝis verŝajne sur orientaj grundoj praprabarataj, kaj ili decidis migri al homdezertaj regionoj, ĉar ili volis konstrui apartan mondon kun apartaj egalaj leĝoj por la ĉieloj, kaj por teroj, kaj por akvoj, kaj por arboj, kaj por bestoj, kaj por la homoj: precipe arboj, bestoj kaj homoj virinaj kaj viraj pro tio, ke ili estis sinceraj adorantoj de Deino, kiu diskriminacias nenian vivaĵon kaj nenian nevivaĵon.

Ilia lingvo estis tute regula kaj senescepta: ĝi havis la saman regulon por la minimuma sencohava sonaro, de ili nomata vortero, kaj por la grupo de tiuj vorteroj, de ili nomata vorto, kaj por la grupo de la vortoj, de ili nomata lokucio, kaj por la grupo de la grupo de la vortoj, de ili nomata frazero, kaj por la grupo de la grupo de la grupo de la vortoj, de ili nomata frazo.

Ilia tuta gramatiko povas estis reduktata al facile memorebla diagramo, kaj ĉiu infano jam naskiĝis kun ĝi en sia kapo. Mi scias pri tio, ĉar la bildo de tia eta gramatiko estis skulptita sur multaj ŝtonoj, kaj unu el ili mi trovis en unu el miaj disfosoj. Jen ĝi aperas ĉisekve:




Jam en tia praepoko, sian lingvon ili dotis per tute perfekta alfabeto, sed iom stranga, ĉar la formo de la literoj dependis de iliaj uzoj kaj kutimoj. Nur du ekzemplojn mi donos, ĉar la literoj de la nunaj okcidentaj alfabetoj devenas de la iliaj: fenicaj, grekaj, latinaj kaj slavaj…

De tio, ke ili fervore amis siajn tendojn, ilian formon ili donis al la unua litero de ilia alfabeto: A…

Mi devas aldoni, ke ili prenis tendon kun homoj interne, kaj la horizontala rimeno estas averto al enirontoj: frapu antaŭ ol eniri… por ne trovi ilin en agrabla okupo!

Kaj por ĉiam danki kaj malforgesi la protekton, kiun ili ĝuis de siaj tendoj sub pluvo, kelkajn literojn ili kovris per ĉapelo, sed tio estas mia interpreto, ĉar por ili mem tio estis nur la supro de la sama tendo, kiu dividas la pluvon en du subirantaj fluetoj: Ĥ…

Cetere, tiu lasta litero ekzistas sen la tendosupro, kaj tio bildas ilian manieron saluti amiko amikon: ili sin rekte rigardas kaj etendas la brakojn. Al tiu, kiu volas plene vidi ilin, ili estas nur du fostoj kun meza stango: H…

Krome, ege malavare ili rekonis, ke la pluvo ilin akvis kaj fridumis, sed samtempe revivigis la riverojn kaj la marojn, kaj sensoifigis la arbojn, la bestojn kaj la homojn. in do ili dankis per la figuro de akvoguto sur kelkaj literoj: i…

Ho ve al mi, ke helpu min Deino [modestecon aparte, bona deksilaba verso ĝis la lasta akcentita silabo]: mi estas aŭ bona mensoganto aŭ malbona kalkulisto, verŝajne aŭ bona mensogisto aŭ malbona kalkulanto…

Ĉiuj aliaj literoj havas sian originon, sed por ne enuigi mian scivolan geleganton, mi klarigos nun sole du pliajn literojn, kiujn mi nomas ondoliteroj: la no de la riveraj akvoj kaj la mo de Amazono, kiu dispelas barkojn per siaj pororokoj kaj pisas en la maron per multkilometra ŝpruco, kaj ankaŭ la mo de la maroj. Pardonu min, ke mi volas antaŭrespondi kelkajn kritikojn: Amazono ne estas rivero, sed kolbasa maro!

Ho ve al mi, ke helpu min Deino [mod… Nur du ekzemplojn...]!

Ilia gramatiko estis 16-regula, kaj mi ĝin tradukas en nian verdan lingvon, sed evidente ne ĝiajn ekzemplojn, al kiuj tamen mi apudigas po komprenebla teksto:

1. Ekzistas nedistinga montra vorto: *la* kun fleksioj por nombroj.

2. La pluralo aldonas la sonon jo al nomoj,

pronomoj, adjektivoj kaj verboj.

3. Nomo estas formata per aldono de *o* al la radiko. Kazoj ekzistas nur kvin: nominativo, genitivo, dativo, akuzativo kaj ablativo. La radiko kun aldonita *o* estas nominativo, kun aldonita *os* estas genitivo, kun aldonita *od* estas dativo, kun aldonita *no* estas akuzativo kaj kun aldonita *e* estas ablativo. Ekzemploj: *la patro* [la patro] / *la patros* [de la patro] / *la patrod* [al la patro] / *la patron* [la patron] / *la patre* [per la patro] / *laj patroj* [la patroj] / *laj patrojs* [de la patroj] / *laj patrojd* [al la patroj] / *laj patrojn* [la patrojn] / *laj patrejn* [per la patroj].

4. Adjektivo estas formata per aldono de *a* al la radiko. Nombroj kiel ĉe nomoj. La komparativo estas farata per la vortoj *ple al* [pli ol] kaj la superlativo per *plej* [plej].

5. La bazaj numeraloj ne estas deklinaciataj: *un* (1) / *du* (2) / *tri* (3) / *kvar* (4) / *kvin* (5) / *ses* (6) / *sep* (7) / *ok* (8) / *non* (9) / *dek* (10) / *cent* (100) / *mil* (1000). La dekoj kaj centoj estas formataj per simpla kunigo de la numeraloj: dudek / tricent / sed: tri mil.

6. La pronomoj estas: *me* / *ce* / *le* / *ŝe* / *ĝe* (por nevivuloj). Pluralo kaj akuzativo kiel tiuj de la substantivoj. Aliaj kazoj estas redonataj per prepozicioj. Adjektivoj posedaj estas formataj per aldono de la adjektiva finiĝo: *mea* [mia] / *meja* [nia].

7. Verbo estas ŝanĝata laŭ personoj kaj nombroj: joam [mi umas] / joac [ci umas] / joal [li umas] / joaŝ [ŝi umas] / joaĝ [ĝi umas] / joajm [ni umas] / joajc [vi umas] / joajl [ili umas] / joajŝ [iŝi umas] / joajĝ [iĝi umas].

Verbaj formoj:

a) La tempo estanta finiĝas per *a*: *joam* (mi umas).

b) La tempo estinta per *e*: *joec* (ci umis).

c) La tempo estonta per *o*: *jool* (li umos).

ĉ) La modo kondiĉa per *u*: *jou*ŝ (ŝi umus).

d) La modo ordona per *u*: *jou* (ci umu) / *jouj*(vi umu).

e) La modo noma per *i*: *joi* (nepersona: umi) / *joim* (persona: m*i* umi).

[Inter la fino de la sepa regulo kaj la komenco de la oka aperas vasta raspaĵo, kiu ĉion plian for viŝis, sed tia etendo ege klare komprenigas, ke okazis grandaj konsiderinde nemalhaveblaj perdoj.]

8. Adverboj estas formataj per aldono de *e*. Gradoj de komparado estas la samaj kiel ĉe adjektivoj. Ekzemplo: *mea frato kantal pli bone ol me* (mia frato kantas pli bone ol mi).

9. Ĉiuj prepozicioj per si mem postulas la nominativon.

10. Ĉiu vorto estas legata, kiel ĝi estas skribita. Ne estas mutaj literoj.

11. La akcento estas ĉiam sur la antaŭlasta silabo.

12. Vortoj kunmetitaj estas formataj per simpla kunigo de sencohavaj vortoj en inversa ordo de tiu de la analizataj formoj. Ekzemplo: *sanso*$_3$-*hab*$_2$-*a*$_1$ (kiu$_1$ havas$_2$ sencon$_3$: sencohava).

13. Se en la frazo estas alia nea vorto, dua nea vorto estas forlasata. Ekzemploj: *nenan plu vadom ten* (mi neniam iros tien) / *nenon videm te* (mi nenion vidis tie).

14. En frazoj respondantaj al la demando *ken*, la vortoj ricevas la finiĝon de la akuzativo. Ekzemploj: *Ke estal?* (Kie li estas?) - *Te* (tie: en tiu loko) / *Ken vadal?* (Kien li iras) - *Ten* (tien: al tiu loko).

15. Ĉiu prepozicio havas en Sperento difinitan kaj konstantan signifon, kiun fiksas ĝia uzo; sed se ni devas uzi ian prepozicion kaj la rekta senco ne montras al ni, kiun prepozicion ni devas preni, tiam ni uzas la prepozicion *jo*, kiu ne havas memstaran signifon, sed ordinare indikas punkton. Ekzemploj: *jo la una matenos* (je la unua de la mateno) / *prendu len jo la surŝultro* [prenu lin je la kolo].

16. La finiĝo *o* de nomoj kaj la *a* de la montra vorto povas esti iafoje forlasataj kaj anstataŭataj de apostrofo en la skripto. Ekzemploj: *tra l' mond'* anstataŭ *tra la mondo*.

Pro ĝia reguleco en ĉiuj strukturoj kaj pro ĝia facileco formi novajn vortojn pere de ĝiaj propraj rimedoj, ĝin iom post iom adoptis ĉiuj aliaj homgrupoj kiel solan intergentan komprenilon kaj post kelkaj jarcentoj kiel ĉies universalan solan lingvon.

Neniu scias kial, sed la translokiĝinta popolo kaj ĝia laboro konstrui novan Brazilion ege malplaĉis al supera Eternulo, kaj Li forlasis sian altan seĝon trans la ĉielo kaj venis mem rigardi tion, kion Li tre bone jam rigardis de supre. Li tute ne ŝatis la vidatan vidaĵon, kaj kio okazis poste, tion registris en la 11-a ĉapitro de sia Sankta Libro, kiu parolas pri la genezo de la mondo:

**1** Sur la tuta tero estis unu lingvo kaj unu parolmaniero. **2** Kaj kiam ili ekiris de la oriento,

ili trovis valon en la lando Ŝinar kaj tie ekloĝis. **3** Kaj ili diris unu al alia: Venu, ni faru brikojn kaj ni brulpretigu ilin per fajro. Kaj la brikoj fariĝis por ili ŝtonoj, kaj la bitumo fariĝis por ili kalko. **4** Kaj ili diris: Venu, ni konstruu al ni urbon, kaj turon, kies supro atingos la ĉielon, kaj ni akiru al ni gloron, antaŭ ol ni disiĝos sur la supraĵo de la tuta tero. **5** Kaj la Eternulo malleviĝis, por vidi la urbon kaj la turon, kiujn konstruis la homidoj. **6** Kaj la Eternulo diris: Jen estas unu popolo, kaj unu lingvon ili ĉiuj havas; kaj jen, kion ili komencis fari, kaj ili ne estos malhelpataj en ĉio, kion ili decidis fari. **7** Ni malleviĝu do, kaj Ni konfuzu tie ilian lingvon, por ke unu ne komprenu la parolon de alia. **8** Kaj la Eternulo disigis ilin de tie sur la supraĵon de la tuta tero, kaj ili ĉesis konstrui la urbon. **9** Tial oni donis al ĝi la nomon Babel, ĉar tie la Eternulo konfuzis la lingvon de la tuta tero kaj de tie la Eternulo disigis ilin sur la supraĵon de la tuta tero.

Min multe surprizis legi tion en sankta libro, precipe ĉar la antaŭa ĉapitro kaj la postaj havas nenion komunan kun la informoj de la supra rakonto pri laborema popolo kun ĝia universala lingvo: la fino de la 11-a ĉapitro portas al ni la pluan historion de la descendantoj de Noa, kaj ĝia komenco ŝajnas neatendebla grefto en tiu Sankta Libro..

Al mi estis rivelita alia tiama okazaĵo, kiam mi interrompis ĉi tiun historion pri ege antikvaj faktoj pro natura laciĝo post multaj horoj da tajpado: mi plonĝis en dormon kaj en dormo mi sonĝis, ke Deino vidis la Eternulon malleviĝi de la ĉielo, malkovris Lian intencon, kaj konsciis, ke nun ŝi povas fari nenion por helpi al la diasporata popolo de post nelonge forlasata urbo. Al la estonteco tamen ŝi konfidis eblan retrovenon al tia bela estinteco: al la menso de ĉiuj homoj de tiu popolo ŝi direktis resumon de vortoj kaj reguloj de la tuj pereonta lingvo, sed nur en la menson de kelkaj ili povis eniri. Al tiuj ŝi diris:

- Tenu miajn vortojn en via koro kaj ilin transdonu de generacio al generacio, ĝis la bela sonĝo de l' homaro por eterna ben' efektiviĝos!

Post kelkaj momentoj multo da tumulto kun ĉio de krio disrompiĝis de sur la grundo kun tia forto, ke la nuboj forkuris, ke la suno sin mergis trans la horizonton, ke la scivola luno venis vidi, kio okazas…

- Kio okazas?

- Babel naskiĝas!...

Kaj pasis pli ol naŭdek mil jarcentoj, sed la semeto, kiun Deino semis, komencis disvolviĝi per la provo de la pedagogo Johano Komenio (1592-1670), latine Comenius, kiu sugestis universalan lingvon, kaj tio en tempo, kiam la Latina estis la okcidenta lingvo de ĉiu intelektulo. Kelkajn jarojn poste la filozofo Kartezio (1596-1650), latine Cartesius, eksplicite diras:

- Kio ne lasas la tutan mondon ĝin fari [mia aldono: legi lingvon pere de vortaro], tio estas la malfacileco de la gramatiko […].

Kaj li daŭrigas:

- […] farante lingvon, tie estu nur unu formo por konjugacii, por deklinacii kaj por konstrui vortojn, kaj tie ne estu defektivaj kaj neregulaj, kio ĉio venas de la uzokorupto. Krome la infleksio de nomoj kaj verboj kaj la vortokonstruo estu farata per afiksoj, kiuj aperu ĉiuj en la vortaro. Post tio ne estos mirinde, ke vulgaraj homoj en malpli ol ses horoj lernu komponi per tiu lingvo helpe de vortaro […].

Spite de tiuj saĝaj vortoj, la unuaj artefaritaj lingvoj estis aprioraj, nome sen ia simileco al la naturaj lingvoj.

Post tiuj du apogantoj de universala lingvo aperas la germana filozofo kaj matematikisto Leibniz, kiu kritikis la anglan lingvokonstruinton Witkins (1614-1672) kaj la skotan Dalgarno (1626-1687), ĉar iliaj lingvoj ne estas perfekte filozofiaj… Lia opinio kreskigis la nombron de konstruantoj de filozofiaj lingvoj, nomataj pazigrafioj: ili estas skribataj kaj legataj, sed ne interparolataj. Mi tamen diru, ke unu el la plej utilaj pazigrafioj estas la Deveja Dekuma Klasifiko – DDK, kiun ni ŝuldas al Dewey (1859-1952), usona psikologo kaj profesoro. Li tamen ne nomis lingvo sian pazigrafion, kio ĝi vere ne estas. Kurioze, Zamenhof kaj Dewey naskiĝis en la sama jaro kaj eldonis po sia unua libro en la sama jaro 1887!

Ho la Deino… Ŝia beno vere jam komencis detrui la malbenon de Eternulo, sed la rememoraĵoj estis ĝis tiam sufiĉe nebulaj.

La deknaŭa jarcento fine vidis verajn lingvojn, kiuj estas do aposterioraj, kaj imitas la tiamajn etnolingvojn, sed reguligas ilin.

La unua estas Volapuko, nome mondolingvo, kreita de la germana katolika prelato Schleyer [1831-1912]. Kvankam ĉiuj elementoj de lia lingvo iel ekzistas en la naturaj lingvoj, precipe en la angla, lia fontolingvo, ili estas tiel multe reduktitaj kaj dekorpigitaj, ke ni ne facile rekonas ilian originon kaj ilian sencon: ĉu vi divenus la feron sub la vualo de *lel*?. Unu el liaj decidoj profundigis tiajn difektojn: la vokaloj estas prefiksoj por la verboformoj kaj sekve

neniu substantivo, adjektivo kaj verbo povas havi ilin en sia komenco… Sed estas esceptoj: *apod* [pomo] kaj *apostel* [apostolo]. Kelkaj el la tre malmultaj vere aprioraj elementoj estas tamen tiel genie kreataj, ke ilia aprioreco fariĝas aposterioreco: *om* [li, el la germana vorto *Mann*: viro] / *of* [ŝi, el la germana vorto *Frau*: virino] / *os* [ĝi, el la germana vorto *Sache*: aĵo]. Ili tamen estas aprioraj nur koncerne la nunan vortostokon de la okcidentaj lingvoj, sed aposterioraj koncerne Sperenton.

Por fini pri Volapuko, ĝi reduktis la kazojn de kvin al kvar...

La dua estas Esperanto, lingvo de ĉi tiu vera historio. Se mi estus hindo - pardonu min! – se mi estus baratano, mi dirus, ke Zamenhof [1859-1917], la kreinto de Esperanto, estas reenkarniĝo de la plej granda gramatikisto de la antikva Sperento, lingvo de tiu popolo, kiun la Eternulo diasporis antaŭ multegaj jarcentoj. Vidu, ke eĉ lia gramatiko estas tre simila al tiu antaŭbabela kaj prapraa: dek ses reguloj, al kiu mankis nur unu de la nuna, sed tio estas klarigebla per la fakto, ke la lingvoj, kiuj venkis Sperenton, estis vunditaj de la pereinta idiomo per multe da kugloj – ho pardonu min! – per multe da importitaj vortoj… Kaj ni devas konscii, ke Esperanto havas absolute nenian radikon kreitan per aprioreco, ĉar ĉiuj ŝajne tiaj rekte devenas de jen egala, jen simila formo vivanta en Sperento: por ekzemplo, la formo *ĝi* estas simpla rememoro de la Sperenta vorto *ĝe*.

Por fini pri Esperanto, Zamenhof reduktis la kazojn de kvin al neniu en sia primitiva formo de 1878 kaj al du en tiu de 1887: nominativo kaj akuzativo...

Plej klara pruvo estas tio, ke Zamenhof enmetis en la unuan ekzercon de lia Fundamento la nomon de sia inspirantino: Deino. Sed eĉ pli klara pruvo troviĝas du jarojn post la apero de la Unua Libro en 1887, ĉar la unua paĝo de la unua revuo de Esperanto – La Esperantisto! – legigas al ni la sekvantan komencon sub la plumo de la laborinta lingvokreinto [inter 1878 kaj 1887, laboranta lingvokreanto]:

En la profunda antikveco, rakontas la biblia legendo, la homoj volis konstrui turon altan ĝis la ĉielo. Ekkolerinte pro tiu ĉi entrepreno de la homoj, Dio miksis ilian lingvon, kaj la homoj ĉesis kompreni unu la alian. Tio ĉi estis unu el la plej grandaj malfeliĉoj de la homaro.

Tiu teksto pensigis min, ke Zamenhof neniam povus kulpigi Dion per unu el la plej grandaj malfeliĉoj de la homaro, kaj li bele kaj fidele elturniĝis per sia *biblia legendo*… Mi mem havis post tiu sama lego alian ideon: biblia mistajpo… La Biblia rakonto vere, sed trompe parolas pri popola disiĝo pro lingva nekompreno, sed efektive okazis io tute alia: lingva nekompreno pro popola disiĝo, ĉar disirinte ili iris al pluraj lokoj kaj trovis en ĉiu el ili lingvan nekomprenon, sed ili estis malplimulto, kaj do ilia lingvo cedis antaŭ tiu de la plejmulto. Sekve de tio, mi pentas pri miaj mispensoj pri Eternulo, sed ili nun estas nur eter-nulo. Tiu mia nova interpreto sin apogas sur la sama teksto de tiu Sankta Biblio, kiu aperigas alian similan anakronismon:

Kaj la Eternulo [unue] disigis ilin de tie sur la supraĵon de la tuta tero, kaj ili [poste] ĉesis konstrui la urbon.

Mi nun diras ion, kio estas pluvi sur malsekan: unue ili ĉesis konstrui la urbon, kaj poste ili disiĝis sur la supraĵon de la tuta tero. Kiam ili forlasis la konstruon de la urbo kaj de la turo, ili estis ja kunaj en la sama loko...

Deino tamen atendis kun Ijoba pacienco la tagon, kiam unu el ŝiaj infanoj povus renaskiĝi kaj revivigi ilian pralingvon.

Kaj tiu tago fine alvenis: 1887.07.26!


Д-ръ ЭСПЕРАНТО.

МЕЖДУНАРОДНЫЙ ЯЗЫКЪ.

ПРЕДИСЛОВІЕ

ПОЛНЫЙ УЧЕБНИКЪ.

por Rusoj

Цѣна 15 копѣекъ.

ВАРШАВА.

Типо-Литографія Х. Кельтера, ул. Новолипья № 11.

1887.


BIBLIOGRAFIO

COUTURAT, L. kaj LEAU, L. Histoire de la langue universelle, 2. eld.. Hildesheim kaj New York: Georg Olms Verlag, 1979. 576 + 110 p.

ESPERANTO. Internacia lingvo. Varsovio: Keller, 1887. 40 + 2 p.

MATTOS, G. La deveno de Esperanto. Chapecó: FONTO, 1987. 112 p

*El la portugala muzo...*

# Dronado de barkestro

**de Raúl Brandão (1867-1930)**, *trad. Eduardo Novembro, el la portugala*

Vintraj tagoj revenas, kun tiu kolera blekado, kiun mi aŭdadas ekde mia frua infaneco, ŝvelanta kaj timegiga. Ĝi estas tia muĝado ĉiam finiĝanta per la sama profunda noto — u... u... u... —, kiu enpenetras teron kaj animojn. Tra la aero kirliĝas nub- kaj saŭm-ŝiraĵoj, de la vento forĵetitaj supren. Ĉielo senbrida kaj nigra kiel la akvoj. Boatoj de *Foz*, *Afurada* kaj *Póvoa* haste albordiĝas serĉe al ŝirmejo. Superregante la ventadon, la mara kriego eĥas ĉiam pli kaj pli laŭte: jen alia senmezure tragika voĉo, plenda kaj tragedia... La barumo tute densiĝis per sinsekvaj kirliĝoj de verdeta ŝaŭmo. Tie for, transe de la ondorompiĝo, dudek, tridek boatoj esperas kvietiĝon por eniri. Grandaj nuboj taŭzitaj de la ekblovo diskuras aeren. Tempesta la voĉo, kaj surĉiele morta likvaĵo... Malheliĝas ankoraŭ plu: ĉe la horizonta fono dismiksiĝas nedistingeblaj koleroj, kaj kiam la ondego leviĝas, oni vidas tiujn de la pistaĵo en la ŝarĝobarkoj — kvar tabuloj —, kelkajn ŝalupojn de *Póvoa* kune kun boatetoj de *Foz* atendantaj la decidigan momenton. Dum kelkaj sekundoj, tiu kolero kvietiĝas: tiam restas mallarĝa koridoro, kie la maro ne frakasas, trapasenda tute haste pere de remadoj dum nur mallongdaŭra tempo, inter la vivo kaj la morto. Oni jam vidis ilin heziti kaj malaperi ĉirkaŭvolvitaj je centpaŝa distanco. La ĉefpiloto staras sur la kajo, kun la savboato pretigita. Laŭlonge de la ŝoseoj alkuras la virinaro, jupon surkape, kurante, ĝemante kaj plorante, plenplena de angoro kaj larmoj. Iuj estas tre maljunaj, sed trotas kvazaŭ elartikigitaj, kun malesperaj krioj:

— Ho, ve, mia dorlotata filo, kiun mi ne plu vidos!...

Kaj la voĉo iĝas pli laŭta, reduobliĝas, pliiĝas ankoraŭ — ondego post ondego dispeciĝantaj sur la ŝtonojn —, superregas la venton kaj kriojn, per densaj kaskadaroj balaantaj la lumturon, la dunon kaj la kajon, kohorton post monstra kohorto, ĉion ŝaŭme inundas kun furiozo atinganta la nubojn.

— Aj, Jesuo! Aj, Jesuo!

Pliaj krioj, pliaj virinoj de ĉiuj tiuj ĉi lokoj, kun la buŝo dolortordita, ŝprucigitaj per ŝaŭmo kaj elpremitaj kvazaŭ ĉifonoj, la etuletoj alkroĉiĝantaj al la jupoj.

— Diras al mi la koro, ke mi ne plu revidos lin!

— Ne malesperu, onjo. Espereble ili albordiĝos al *Leixões*...

Maltrankviliga vivado, la koro disŝirita, ĉiam kurantaj laŭborde, unue pro la edzoj, pli malfrue pro la filoj, kaj poste — povraj senutilaj ruinaĵoj apenaŭ nur eltenantaj ostaron — pro la nepoj, vidante ilin malaperi unu post la alia en tiu mara profundaĵo.

La ĉefpiloto hisigis la nigran avertsignalon, kaj kun la flago ĉemane, jen li tuj svingonta al la kompatindaj estaĵoj, nur angoro, perditaj en la brumo kaj kolero, je la ŝirita kaj funebra lumo. Pretigita la savboato — sed kiu aŭdacos?... De unuj al la aliaj ne distancas eble kvincent metrojn: la morto! La tuta kajo, plenplena de popolo, dolorkriegas. Ĉi tie staras la virinoj, la patrinoj, la maljunulinoj kun gorĝo sufokita, korpreme demandante:



William Turner, Storm, 1842

— Ĉu vi vidis ilin? Ĉu vi vidis ilin?

— La ŝalupo sur kiu veturas via viro ne estas ĉe la antaŭhaveno.

— Ho, Jesuo!

— Eble ĝi ne alvenis ankoraŭ; eble ĝi jam atingis *Leixões*.

Maljuna fiŝkaptisto klarigas:

— Jen ĉi tie la ŝipanaro de *Jacinto*. Tie for venas alia kun la velo disŝirita. Atendu... atendu...

— Kaj tiuj de onjo, *Ana*?

— Dume nenion oni scias pri ili.

— Mia amata viro! Mia amata viro!

Ŝtonigita grupo elstaras. Apude, alta, grandosta virino, ĉevalvizaĝa, tute malhele vestita, ĝemas mallaŭte. Tramalsekigita, la vestaĵo algluiĝas al ŝia korpo; la sunbrunigitaj magraj manoj, kun ungoj ronĝitaj de laboro, alpremiĝas kontraŭ la sino por reteni la diskrevontajn singultojn. Ŝi ĝemas senĉese, kaj la okuloj atentas rekte foren al la nigra kirliĝo de maro kaj ĉielo, kiuj intermiksiĝas. Ŝi estas unu el la malmultaj, kiuj ne krias, el la malplej multaj, kiuj eble komprenas... Sed ŝi ne ĉesas ĝemi — ŝi ne povas reteni entute tiun elinternan krevon, kiu eble estas mem ŝia koro dispecigita de malfeliĉo... Sed pli poste staras tiuj dikmalaltaj krudaj virinoj de *Póvoa*, kun jupoj surkape, bruege eksterigantaj sian doloron. Tri viroj, kun vakstola ĉapelo, gravmiene esploras kaj klopodas diveni la momenton, kiam la maro kvietiĝos, lacigita de fortotrudoj. Ĉe la barumo, ĉi tien post la duno, la savboato dancadas. Pliaj krioj. Aro da virinoj alvenas lasthore, venintaj de malpli proksime, kun la samaj larmoj kaj samaj gapantaj okuloj. Jen alia grupo, kun la etuletoj alkroĉitaj al la jupoj... Nur ŝi, tie for, ne ploras — kredeble sciante, ke la larmoj estas senutilaj, aŭ ĉar ŝi ne havas pliajn larmojn por elverŝi. Mallaŭte ŝi plue ĝemas, je lasta pistado de doloro.

— Sinjoro de la Navigantoj, helpu al ili! Mia adorata sinjoro!...

Sed la maro kaj ĉielo postulas tragedion. Kelkaj viroj riskis iri al la lumturo por gvati malproksimen.

Tie for estas nebula konfuzo, elradikigo de koleroj, ia turniĝado, kie oni apenaŭ distingas kelkajn balanciĝantajn mastojn, kaj — kiam la

ondego kreskas —, la boatojn skuigitajn sur ondopinto. Teruraj roloj disfalas sur la rokegon de *Cão* kaj transsaltas la kajon, ĝin kovrante per ekscitita akvo. Poste la akvoj retroiras malhelverdaj per moveblaj platoj, kiuj glitas sur lividaj tonoj, malpurigoj kaj flavetaj sablostrekoj survenantaj en la akvosupraĵon.

For, ĉe la fono, ia maldiafana heleco, nemovebla makulo, eble la sunloko; malsupre konfuza moviĝado de akvoj kun nubpecoj elŝiritaj el la funebra ĉielo. Finfine vasta spaco kie la difuza lumo incidas kaj kie okazas pli granda tragedio. Ne estas la tempesto, estas la minaco; ne estas la malordo, estas la ŝvebanta timego. Ĉe la barumo, la ondoj antaŭeniras pli kaj pli altaj, kaj pli densaj, unue per lividŝaŭma ondokresko, poste disfalanta je akvaj kaskadaroj, je akvaj ŝprucaĵoj, je masoj, kiuj interfrapiĝas kirliĝante, dum aliaj sin pretigas marmeze. Ili forbalaas la bordon, disfrakasiĝas sur la ŝtonojn. *Carreiros* estas blanketa akvoturniĝo; ĉe la duno, en *Lavadores*, ĝis vidatingo, la sama senlima disfalo — la tuta bordo disverŝita de ŝaŭmoj. Kaj la senmezura voĉo de ĉi tiu plaŭdado de agitita akvo pli kaj pli laŭtiĝas plenigante la tutan spacon per tia timegiga ululado — u... u... u...

— Jen nun! Jen nun!

La ĉefpiloto flagsignalas. De lia rigardo, de lia klereco, de lia sperto dependas la vivo de tiuj homoj. Jen nun! La boatoj levitaj sur la ondosuprojn aŭ trenitaj en la abismajn kavojn inter ondego kaj ondego, ekvidis lin de tie for. Iuj, pli riskemaj, remas. Sur la kajo, la tuta amaso sufokiĝis sub kvazaŭa ĉifono de hantita doloro. La virinoj falas surgenuen.

— Petu pri ili, Sinjoro Jesuo Kristo!

— Mia viro! Mia amata viro!

La virinoj de *Póvoa* trenas la genuojn sur la ŝtonoj, kriante:

— Ho, koro de Maria, petu pri ili al la Sinjoro! Virkarnaj pustuloj, vundita koro, disverŝita sango de Nia Sinjoro Jesuo Kristo, metu vin mezen inter ili kaj la danĝero!

Unu el ili pugnofrapas surbrusten, alia ungogratas al si la vizaĝon:

— Pardonon por mia filo en tiuj malbenitaj akvoj!

Tiu terura suspenso daŭras du aŭ tri minutojn. Kelkaj boatoj traveturas; aliaj hezitas malfruiĝintaj; tuj kaptas ilin ondego, kiu ĉiujn forskuas kaj dispecigas inter koleroj kaj ŝaŭmoj. Sur la kajo, ekkrio, neutila krio. Ekfulmo trafu la maron!

— Jen venas nun nia kanuo. Mi ĝin rekonas kaj preskaŭ distingas po unu el la homoj, kurbiĝintaj sur la remoj. Entute estas dek ses estaĵoj, enkalkulante la junulon, dek ses koroj alfrontantaj la morton, je du paŝoj de la virinoj, kiuj al ili etendas la brakojn. Ĉirkaŭe la ondoj turniĝadas. Sufokitaj, ili kurbiĝas kaj rektiĝas, manoj sur la remoj, piedoj kontraŭ la benkoj, en lasta senesperiga streĉiĝo, enkorpiĝintaj la boaton, korpo kaj tabulo, ĉio kunligita unupece. Kelkaj remoj rompiĝas. Stare ĉe la pobo, duonnuda, alkroĉita al la rudro, la boatestro insultas por kuraĝigi ilin:



William Turner, Fishermen at Sea, 1796

— Ha, friponoj! Ha, ŝtelintoj! Ha, idoj de granda..., remu! remu! Strebu nun!...

Kaj la kunstreĉita mano ne forlasas la rudron. Tuj, malantaŭ la boato, monstra ondego ekdisfalas sur ilin — ĉiam pligrandiĝanta! Ĉiam pli proksimiĝanta!...

— Remu Remu! — oni ekkriegas elborde.

La krioj de la kajo kunfandiĝas en unu solan, la muĝado resonas en la animojn. Unu sekundo, du sekundoj, kaj jen ili savitaj... Sed la ondo frakasiĝas. Ĝi disfalas kaskadare kaj alia tuj ilin kunruligas. La blekado de la virinaro miksiĝas kun la tempesta eĥo kaj estas forpelita de la ekblovo. La savboato kaptas unu, alian tie alkroĉitan al remo... La junulon! La junulon!... La vento grandiĝadas, el la plej malhela maro antaŭeniras nigra akvoturniĝo...

— Jam neniu plia eniras. Ili albordiĝos al *Leixões*.

Denove jen la virinoj kurantaj laŭ la ŝoseo, jupoj surkape, tramalsekigitaj, kun la sama afliktiĝinta anh! anh!..., ĝemante, plorpetante. Kelkaj maljunulinoj rigardadas fiksmirege kun la manoj interplektitaj sur la koro, kiu ne plu eltenas. Kaj ili grincigas anh!... anh!... Ŝanceliĝantaj, nudpiedaj sub la falanta pluvegado, tiom premdifektitaj de la vivo, ke ili similas ŝirpecojn, larme malsekigitaj kaj ŝaŭmkraĉataj. Kaj ili pluas... Eble ili eniros en *Leixões* — ... kaj ili pluas, piedirantaj leŭgojn, preĝante, petegante, plorante, aŭ malpli bone, pro doloro mutigitaj, sino alpremita, buŝo duone malfermita, la okuloj fiksitaj sur la maro...

— Aj, Jesuo! Aj, Jesuo!...

La boatestron oni trovas mortinta la sekvantan tagon sur la duno. La maro rompis la boaton je la kilo, enterigignte en la sablon, nedifektita, la poban ŝipkorpon, tordinte al li la brakon kvazaŭ oni tordus ŝnuron. Sed nek la maro, nek la morto sukcesis forpreni la rudron el liaj krispiĝintaj manoj.



*En karavelo esperantisma...*

# Tamara

**de Irina Mironova**

Mi konatiĝis kun ŝi, kiam restis nur 5 jaroj de mia loĝado kaj laborado en Kemerovo. Tiam mi instruis en Kemerova ŝtata instituto pri kulturo. La laboro al mi plaĉis. Mi multon inventis, por instrui netradicie gaje kaj rapide, ĉar miaj plejparte estradfakaj studentoj estis talentaj ĵazaj muzikantoj, jam plenaj muzikfakuloj, sed sen oficiala muzika klero. Mi estis tute kontenta pri mia laborloko, pri la bona etoso inter miaj studentoj kaj mi. Kun multaj el ili mi amikiĝis, precipe kun korespondstudentoj, multaj el kiuj estis pli-malpli miaj samaĝuloj.

Tamara venis al mi por studi harmonion (estas tiu muzikteoria lernobjekto) en sia dua studjaro. Post mia unua leciono pri harmonio ŝi restis en la klaso kaj ni interparolis. Evidentiĝis, ke ŝi preskaŭ nenion aŭdis, ĉar jam delonge havas malbonan aŭdkapablon. Mi miris, kiel ŝi aperis inter pianaj studentoj, sed ŝi respondis, ke pianajn sonojn ŝi aŭdas bone, kaj eĉ laboras en muziklernejo kiel piana instruistino.

Ŝi proponis al mi, ke ŝi faros specialajn taskojn, ligitajn, ekzemple, kun pentrado. Ĝuste tiam mi tre bezonis fari multajn de mi verkitajn grafskemojn kaj komponitajn de mi kantojn-algoritmojn (kun dezirataj desegnaĵoj aŭ pentraĵoj) kiel afiŝoj. Ni interkonsentis pri kvanto de la afiŝoj kaj ŝi dum kvar jaroj regule alportis por ekzamensesio tiujn belajn, faritajn el miaj skizoj, dediĉitaj komence al la harmonio, poste al la analizo de muzikverkoj kaj fin-fine al la polifonio. Ŝi brile pentris, do mi estis kontenta kaj ŝi ricevis ĉiam honore perlaboritan pritakson "bone" aŭ "perfekte" depende de kvanto de eraretoj, kiuj iam troviĝis en tiuj. (Certe, ŝi mem ĉiujn ilin poste korektis.)

Post kvar jaroj mi jam alkutimiĝis al ŝia iom stranga por bone aŭdantaj homoj maniero paroli kaj al ŝia naiva kredo, ke ĉiuj homoj ĝojas bonkore helpi ŝin. Ŝi estis iomete pli aĝa ol mi, sed aspektis sufiĉe june. Ŝian simpatian vizaĝon iomete difektis malnaturaj oraj dentoj, sed la grandaj brunaj okuloj, ĉiam kun sincera kompato rigardantaj al vi, ne povis lasi vin indiferenta al ŝia sorto. Ŝi estis mezalta kaj korpe tute normala – nek dika, nek maldika.

Kiam ŝi studis en la kvina (lasta) kurso kaj preparis sin por la ŝtata ekzameno, okazis tiel, ke oni min petis instrui special-pianon por ŝia kurso, kvankam mi laŭ supera klero estas muzikteoriisto kaj nur mezklere havis la diplomojn pianan kaj muzikteorian. Sed tiujare samtempe du veraj pianinstruistoj foriris el la instituto: unu – al Moskvo, la alia – al alia (subtera) mondo, de kie oni ne revenas. (Bedaŭrinde, multaj fumantoj opinias, ke ili sukcesos eviti kanceron.) Mi tiam bezonis monon, ĉar ĵusa mia disertacia defendo eltiris el mi tutan mian kontantan monon (veturoj al Moskvo, multaj bankedoj, tradicie organizataj de disertacianto k.t.p.) Mi konsentis laboradi ie ajn por redoni miajn ŝuldojn. Interalie mi laboris krom kiel muzikteoriisto ankaŭ kiel pianakompananto. Do, mi konsentis esti piana instruisto, sed iomete timis, ke mi devas instrui ankaŭ por Tamara, ĉar ĉiuj institutaj kursfiniĝontoj devis studi ĉe mi. Sed feliĉe Tamara sukcesis interkonsenti kun sia diligenta pianakompanistino, certa profesia pianistino, ke tiu instruos nur por Tamara (tempon por aliaj studentoj ŝi ja ne havis). Fin-fine miaj kvin studentinoj kaj Tamara sukcese ŝtatekzameniĝis kun poentoj "bone" kaj "perfekte". Tamara ricevis "bone" kaj estis feliĉa.



Nekonata aŭtoro.

Ŝi venis al mi por adiaŭi kaj mi la unuan fojon ekaŭdis la historion de ŝia vivo.

Ŝi naskiĝis en Novokuzneck, estis muzike kapabla kaj, certe, lernis muzikon komence en muziklernejo, poste en muzikteknikumo. Ŝi ĉiam facile kaj perfekte lernis kaj fin-fine ekstudentiĝis en la komponista fako de Novosibirska konservatorio. Ŝajnis, ke la fortuno estas favora al ŝi. Sed subite ŝi malvarmumis kaj post la malsano preskaŭ tute perdis la aŭdkapablon. Certe, oni tuj agnoskis ŝin profesie netaŭga kaj malpermesis al ŝi studi en la konservatorio. La ekzemplon de Beethoven oni ne taksis sufiĉa. Jen tiaj rigoraj kutimoj estis (ĉu ĝis nun?) en niaj siberiaj altlernejoj.

Ŝi revenis al Novokuzneck kaj eklaboris en muziklernejo, post kelkaj jaroj ŝi, jam 30-jara, edziniĝis kaj naskis filinon. Kiam la filino ankoraŭ estis sufiĉe malgranda, Tamara vidviniĝis kaj devis sola nutri sin kaj la infanon kaj eduki la filinon. La filino kreskis bona kaj bela, ĝojigante sian patrinon. Kiam ŝi estis jam dekjara, Tamara

renkontis junulon, malpliaĝan ol Tamara mem je 15 jaroj. Li enamiĝis al Tamara kaj proponis al ŝi esti lia edzino. Ŝi, certe, rifuzis, dirante, ke ne povas esti vera amo de bela saĝa junulo al multe pli maljuna kaj preskaŭ surda virino. Sed li insistis pri sia propono, do, ŝi duone konsentis. Ŝi permesis al li esti neoficiala membro de ŝia familio por ne malfaciligi al li la eblecon foriri iam ajn, kiam li renkontos veran sian sorton. Tamara ne dubis, ke tio iam okazos, do ne volis ligi sin kaj lin per oficialaj ligiloj.


Moskvo.

Li loĝis kun Tamara kaj la filino kaj evidentiĝis, ke li estas laborema hejme kaj laborloke, talenta sciencisto, bona edzo kaj patro por la filino kaj tre modesta homo, kiu tute ne interesiĝis pri aliaj inoj krom Tamara. Post kvin jaroj de ilia kuna vivo li inspiris Tamara'n rekomenci studadon en altlernejo. Ŝi venis al Kemerova ŝtata instituto pri kulturo, kie trovis bonajn homojn, komprenantajn ŝiajn problemojn kaj helpantajn al ŝi studentiĝi.

Ĉiuj miaj studentoj, havantaj la inklinon komponi, ĉiam prezentis al mi siajn muzikverkojn. Do, mi ne miris, kiam ankaŭ Tamara alportis al mi sian komponaĵon. Sed tio ne estis miniaturo, kutima por komencantaj komponistoj, sed male – kolekto de vokalinstrumentaj miniaturoj "La tago de la infano", kie ne nur la muziko, sed ankaŭ komuna temo kaj literatura teksto de ĉiu voĉinstrumenta miniaturo estis verkitaj de ŝi mem. Kvankam literatura teksto kaj mem komuna temo estis naivaj kaj neprofesiaj, tamen la muziko estis bonega, samtempe bela kaj moderna kaj havis propran "vizaĝon", ne similan al alies muziko. Do, ne nur Beethoven komponis bonan muzikon, estinte surda. Kiam mi eldiris mian opinion pri la muziko, Tamara petis min enkomputiligi la notaron kontraŭ sufiĉe granda monsumo. Ĝuste tiam mi, kvazaŭ preparante min al mia estonta Moskva vivo kaj laboro, alproprigis la muziknotan redaktilon "Cake Walk" kaj eĉ partoprenis en la oficiala eldono de la kantaro, kiun komponis, dum sia longa vivo, iu kemerova amatorkomponanto, veterano de granda popola milito. Mi konsentis helpi en la notkomputiligo kaj ĉio estis farita ĝustatempe.

Tamara studis en la instituto pri kulturo en estrada fako, kio signifis, ke ŝi preparis sin kiel gvidanton de amatora estrada orkestro aŭ ensemblo kaj pianisto en la sama kolektivo. Dume, ŝia persona vivo estis sufiĉe prospera. Ŝia amato havis, krom bona karaktero kaj talento, sufiĉe multe pripagatan laboron, do ŝi povis permesi al si veturi inter Novokuzneck kaj Kemerovo iam ajn kaj eĉ pripagi sufiĉe multekostajn servojn, ekzemple, enkomputiligon de muziknotoj. Ŝi estis feliĉa kaj volis dividi sian bonstaton kun bonaj homoj. Ŝi jam multfoje diris al mi, ke, se mi ekvolos eldoni oficiale miajn instruajn verkojn, ŝi ĉiam pretas esti mecenato por miaj eldonaĵoj, kaj denove dum nia lasta renkonto en Kemerovo ŝi ripetis la proponon.

Krom tio, Tamara donis al mi sian novan (moskvan!) adreson kaj la telefonnumeron. Okazis tiel, ke ŝi fin-fine cedis al sia amato kaj iĝis lia oficiala edzino. Sciante pri lia scienca talento, ŝi volis, ke li havu la plej favorajn kondiĉojn por sia scienca laboro. Tial, kiam li ricevis la proponon pri bonega laborloko en Moskvo, ŝi tute prete organizis la transloĝiĝon de sia granda loĝejo en Novokuzneck al iomete malpli granda, sed sufiĉe komforta loĝejo en Moskvo. Do, al sia Ŝtata ekzameno en la instituto pri kulturo ŝi venis jam el Moskvo.

Kiam mi kaj Tamara adiaŭis, mi eĉ ne imagis, kiel baldaŭ la vivo denove kunigos nin. Okazis tiel, ke tiusomere, kiam ni disiĝis, post du monatoj, mi jam estis en Moskvo por oficialigi ĉifoje mian familian vivon. La ŝanĝiĝintaj cirkonstancoj fin-fine permesis al mi kaj mia amato oficiale geedziĝi. La geedziĝo estis fiksita por la 15-a de septembro. Kiam ni kolektadis gastojn por nia senalkohola vegetarana geedziĝfesteno, mi telefonis al Tamara kaj vizitis ŝin en ŝia hejmo. Al mi plaĉis ŝia nova loĝejo – triĉambra, sufiĉe vasta kaj hela. Ŝi konatigis min kun sia filino kaj ties fianĉo – serioza kaj simpatia knabo. La edzo ne estis hejme. Tamara diris, ke li preskaŭ ne troviĝas hejme, ĉar estas tre inspirita de la nova laboro, kie eĉ iam noktumas. Tiam li jam estis verkinta la sciencan libron, pro kiu oni donis al li kandidatan sciencan gradon sen defendo de disertacio.

Ŝi certe ĝojis pri mi kaj venis al nia nuptofesto. La gastoj ne multis, venis nur ok gastoj el la invititaj dek. Tamara estis la plej gaja el ĉiuj. Ŝi fotis, rakontis anekdotojn kaj ĉiel provis gajigi nian kompanion. Ĝis nun, rigardante nian geedziĝfestan albumon, ni rememoras pri ŝi. Fine ŝi donacis al ni la koverton kun mono, kontraŭ kiu ni sekvonttage aĉetis la plej valoran objekton por nia familio, kiu ĝis nun servas al ni, – grandegan kaldronon por boligi tolaĵojn. (En Rusio oni kutimas boligi littolaĵojn, por ke ili estu pli puraj.)

Unu el miaj gastoj, mia eksa instituta samgrupano, trovis por mi bonan laborlokon, do, post du semajnoj, mi jam por ĉiam loĝis en Moskvo kaj laboris en la Akademio pri korusa arto. Tamara kaj mi foj-foje intertelefonis, mi eĉ provis aranĝi ŝian kromlaboron en mia Akademio kiel pianakompanistino. Ŝi venis por

provdemonstrado de siaj pianakompanaj kapabloj, sed ne sukcesis prezenti sin sufiĉe bone. Do, oni rifuzis al ŝi la oficon, ĉar la Akademio bezonis pli bonkvalitajn pianistojn. Estis bedaŭrinde, sed bonis, ke ŝi ja havis la laborlokon en muziklernejo apud sia hejmo.

Poste, dum preskaŭ unu jaro, mi nenion aŭdis pri ŝi, ĝis kiam ŝi min trovis, ĉar ŝi volis prezenti en sia muziklernejo la ciklon "La tago de la infano". Ŝi petis min korekti kelkajn eraretojn en mia iama komputiliga laboro. Mi ne certis, ke konserviĝis ŝiaj dosieroj dum la transdono de mia iama kemerova komputilo al tiu nova en Moskvo, ĉar multaj dosieroj, dum tiu procezo, ien senspure malaperis. Feliĉe, la dosieroj de Tamara konserviĝis. Mi trovis ilin, korektis kaj printis tiom da ekzempleroj, kiom ŝi volis. Ŝi denove abunde pagis kaj invitis min por prezento de la ciklo en sia muziklernejo. Mi venis kaj trafis ŝian jubilean feston en nova lerneja konstruaĵo kun bankedo kaj la koncerta prezento de ŝia ciklo. Evidentiĝis, ke en ŝia moskva laborloko, la estraro kaj la kolegoj estimas kaj ŝatas ŝin. Dum la prezento, ŝi estis tiom bela, feliĉa, juna, ke mi admiris ŝin. Ŝi rakontis al mi, ke en la fino de la lernojaro la lernantoj de la nova lerneja fako prezentos ŝian ciklon kiel spektaklon. Krom tio, por mi estis surprizo, ke oni ŝin ne nur estimas pro ŝia instrua laboro, sed ankaŭ elektis ŝin estro de la piana sekcio. Do, ŝia surdeco ne malhelpis...

Pasis ankoraŭ unu jaro. Mi ne vidis Tamara'n kaj ne povis atingi ŝin per telefono. Foje mi veturis per metroo, kiam en vagonon eniris ŝi. Mi ne kredis al miaj okuloj. Ŝi tiom maljuniĝis kaj malbeliĝis vizaĝe, ke mi ne tuj rekonis ŝin. Denove mi aŭskultis ŝian rakonton kaj vidis, ke antaŭ mi estas tute alia Tamara, embarasita pro la lastaj eventoj, okazintaj en ŝia vivo, preskaŭ perdinta la teron de sub la piedoj.

Jen kio okazis. En Moskvo, ŝia edzo tre multe laboris, ofte revenadis hejmen pli kaj pli malfrue, poste komencis iam noktumi en la laborejo. Fin-fine li tutan semajnon pasigis en la laborejo, venante hejmen nur sabate tre laca kaj tuj ekdormante ĝis la dimanĉa tagmezo. Certe, kiel edzo li estis nenia. Tamara ĉion pardonis, ĉar komprenis, ke li estas kreema homo kaj tute enprofundiĝis en la laboron.

Intertempe, en lia laborejo, aperis lia juna talenta helpantino, samaĝa kiel la filino de Tamara. Tamara pri tio sciis, ĉar la estraro de la firmao tuj sendis la helpantinon kune kun la filino de Tamara al Usono por studado. Duope, ke unu sola ne enuu eksterlande. La knabinoj, dum la vojaĝo, amikiĝis. Kiam la helpantino revenis, ŝi komencis ĉantaĝi la edzon de Tamara. Li, kiel tre modesta viro, tute ne fumis kaj preskaŭ tute ne drinkis. Sed, laŭ neoficialaj reguloj de la ofico, kie li tiam laboris, li devis nepre partopreni la oficajn drinkfestojn. Dum unu el tiaj festoj, la helpantino sidis apud li kaj konstante verŝis en lian pokalon alkoholaĵojn. Li ne povis rifuzi kaj fin-fine plendrinkis tiom multe, ke sekvontan tagon ne memoris, kio okazis post la festo.

La helpantino diris al li, ke li ŝin amoris, kaj ke ŝi mem tiom amas lin, ke volas esti lia edzino. Ŝi proponis al li la "provan geedziĝon" – ke li mem komprenu, ĉu lia amo al Tamara estas nur kutimo, ĉu eble li povas ami la multe pli junan kaj amantan lin knabinon.

Ŝi insistis pri sia ideo kaj fin-fine li konsentis. Li venis hejmen, rakontis ĉion al Tamara kaj petis ŝin lasi lin por la prova geedziĝo. La koro de Tamara ne eltenis tiun surprizon. Venis la rapida medicinhelpo kaj forportis Tamara'n al malsanulejo.

Post monato, ŝi revenis hejmen. La edzo loĝis ĉe la helpantino, do hejme troviĝis nur la filino. Post unu tago, la edzo venis hejmen kaj diris, ke li amas nur Tamara'n kaj ne povas eĉ imagi, ke li ĉiam loĝus ĉe la alia. La edzo noktumis hejme kaj matene foriris al la laborejo. Tamara estis hejme sola, kiam venis la helpantino, kiu ploris antaŭ Tamara kaj diris, ke ne povos vivi sen Andrej. Do, ili pasigis la Novan 2003-an jaron, kvarope ĉe Tamara: Tamara, la edzo, la filino kaj la helpantino.


Siberio.

Post la novjara festo, Tamara forveturis al Siberio, ĉar tie ŝia panjo grave malsanis. Kiam post duonmonato ŝi revenis, Andrej denove loĝis ĉe la helpantino kaj Tamara denove trafis la malsanulejon, ĉifoje por tri monatoj. Mi renkontis ŝin ĝuste post la malsano...

Post tiu malĝoja rakonto en metroo, mi kelkfoje telefonis al Tamara, ĉar preparis la novjarajn donacajn libretojn por kelkaj miaj geamikoj, ankaŭ por Tamara. Fin-fine mi decidis sendi la libreton al ŝi perpoŝte kiel registritan leteron. Post monato, la sendaĵo revenis kun la rimarko "Finiĝis la limtempo de gardado". Mi sendis la libreton denove kiel simplan leteron, alskribinte, ke mi komprenas, ke ŝi ne havas la tempon por iri al poŝtejo, do, ne iru, ĉar la sendaĵo mem vin atingos.

Post ankoraŭ unu monato mi denove ricevis la leteron, kaj en ĝi estis la skribaĵo de Andrej: "Tamara mortis la 25-an de decembro 2003... Vi povas telefoni al mi (poŝtelefono) aŭ al la filino (poŝtelefono)... La edzo de Tamara Andrej".



# Urbeto "Salto do Lontra", en Brazilo

**de Roger de Castro Gotardi,**
*fotoj kaj tekstoj*

Live, akvofalo de la rivero Koteĵipo, 25 metrojn alta.



Parta vidaĵo de la kampara sidejo de la klubo SERJL.



Pejzaĝo. Fone aperetas parto de la urbo.



Urbocentro. Centre staras la ĉeltelefona turo.



Biblioteko. Flagoj: Paranao, Brazilo kaj "Salto do Lontra".



Ŝtata baza lernejo "Jorge de Lima".




Sportejo "Vermelhão".



Monumento al Nia Sinjorino Aperinta, surkorte de preĝejo.




Forumo de "Salto do Lontra". Flagoj de Brazilo kaj Paranao.



Centro pri Sano de la Infano kaj Virino, baldaŭ ekfunkcionta.